VIIa jaro. No 111 ★ Duonmonata ★ 5 Novembro 1911

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO



DIREKTORO :

HECTOR HODLER



Redaktejo & Administrejo : 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

## TEKSTO

*Esperanta literaturo*, VERTO.

**Socia Vivo :**

*Montaj fervojoj en Berna Oberlando*, C. HILDEBRANDT.
*La knabaj skoltoj*, R. RAVEN-HART.
*Kiom da studentoj ekzistas en la mondo ?* RUBČIĆ.
*La batalado kontraŭ la ĥolero*, P. J. VERMAAS.
*Universala poŝta afranko*, F. PILLATH.

**Literatura paĝo :**

*La suferoj de juna Werther*, W. v. GŒTHE.
*Tra la Esperanta Literaturo*, VERTO.

**Esperantismo :**

*Al nia legantaro ; Kroniko.*
*Diversajoj : Tra la gazetaro*

**U. E. A.**

*Oficiala Informilo ; Organiza demando.*
*Esperantia Parolejo ; Esperantia Vivo.*
*Esperantiaj fakaj Asocioj.*
*Fakaj Societoj ; Alvokoj.*

**Aldono : La Propagandisto.**

# ESPERANTA LITERATURO

Niaj malamikoj, eĉ foje niaj amikoj, ripetadas, ke ni ne posedas literaturon, ke « internacia artefarita lingvo nenial povas speguligi la morojn, karakterojn, spiritajn kutimojn, propran genion de popoloj ; ke neŭtrala lingvo ne pli kapablas produkti literaturajn ĉefverkojn ol senradika kreskajo povas produkti fruktojn ».

Principe ni devas atentigi, ke multaj argumentoj kaj prijuĝoj, kiujn sugestiis nur la historia studado de naciaj lingvoj kaj literaturoj, tute ne taŭgas por lingvo kaj literaturo niaj. Efektive la esperanta literaturo naskiĝis, evoluadis, disvolviĝis laŭ kondiĉoj tre diferencaj kaj neniam ankoraŭ observitaj. Por novaj okazoj necesas novaj teorioj.

El la ekzameno de tiuj diferencoj ni povos ĉerpi instruon pri la specialaj karakteroj de nia literaturo kaj pri la temoj, kiujn devas prefere trakti niaj verkistoj,

* *

La naciaj lingvoj malrapide elvindiĝis ; ili ekformiĝis en konfuzaj popolamasoj, en vilaĝoj, en urbetoj ; la malkleruloj parolaĉis, kelkaj duonkleruloj komencis verki, la kleruloj kaj scienculoj nur pli malfrue, nur post jarcentoj akceptis uzadi malŝatatan dialekton por esprimi mallerte, malelegante, sed iom post iom pli flue kaj gracie (proporcie kun la akiriĝanta plifleksebliĝo de la lingvo) ideojn pli kaj pli altajn, sentojn pli kaj pli delikate nuancitajn.

Laŭ tute malsamaj kondiĉoj naskiĝis nia literaturo, kaj el tiu speciala ekapero ni povos konjekti la specialan leĝon kaj ĉefan karakteron de nia intelekta movado. Inter la jaroj 1878-1887 okazis io nova kaj superbela. Unu homama sienculo, kies nomo ĉiam pli gore brilos en la estonteco, laŭ tio, ke oni pli bone komprenos lian verkon kaj vidos ties gravegajn konsekvencojn, jus kreinte lingvon, iniciatis tutan literaturon ! Tian fakton, mi diris, oni ĝis nun neniam vidis en la historio de la homaro. Tiu genia viro komprenis tion, kion povis eĉ ekpensi nenia aŭtoro de tiom da sistemoj de artefaritaj lingvoj. Li konvinkiĝis, ke tute ne sufiĉas facilega gramatiko, simplega vortaro ; ke lingvo ne estas « malgracia kaj senviva kolekto da vortoj », ke ĝi bezonas animon, propran spiriton, « kunligantan elementon », kiel bando da diversgentaj dungitaj soldatoj bezonas standardon aŭ korpusan spiriton por fariĝi venkopova armeo. Li ĉesis, almenaŭ provizore, traduki laŭvorte siajn pensojn aŭ pensojn de aliaj kaj « penis rekte pensi en la neŭtrala lingvo ». Tiam li « rimarkis, ke la lingvo en liaj manoj ĉesas jam esti senfundamenta ombro de tiu aŭ alia lingvo kaj ricevas sian propran spiriton, sian propran vivon, la propran difinitan kaj klare esprimitan fizionomion, ne dependantan jam de iaj influoj. *La parolo fluis jam mem, flekseble, gracie, kaj tute libere, kiel la viva patra lingvo* ».

En tiu periodo de la kreado de nia lingvo, D-ro Zamenhof verkis tiajn unuajn poeziojn kaj kelkajn prozajojn ; tial oni pravas diri, ke en tiu epoko naskiĝis nia literaturo, kaj tiu fakto estis absolute nova sur la terglobo.

Estas aliaj gravaj diferencoj. La naciaj lingvoj kaj literaturoj havis en sia komenciĝo nenion fiksan, nenian ordonan aŭtoritaton ; ili obeis nur blindajn, nekonsciajn fortojn ; ĉiu verkisto (kiam ekestis verkistoj) havis siajn apartajn — mi ne diras stilon — sed vortaron kaj gramatikon, laŭ sia klaso, rango, provinco, urbo, vilaĝo. Male, tuj de la komenco Esperanto posedis sian konscian, klarvidan, fundamentan leĝon.

En iliaj komenciĝoj nenia principo, nenia komuna ideo : malrapidege ellaboriĝadis la nacia konscienco. Oni rajtas diri, ke la esperanta konscienco praekzistis en la animo, en la koro mem de l'kreinto de Esperanto ; kaj la unuaj pioniroj de nia movado tuj ricevis tiun animon, tiun koron ; ili entuziasmiĝis ne nur pro la mirindaj gramatikaj, vortaraj, stilaj kapabloj de nia lingvo, sed ankaŭ pro la idealo de homara interfratiĝo, paco kaj harmonio nedisigeble kunligita kun Esperanto.

En la naciaj literaturoj unue esprimiĝas la ideoj kaj sentoj de ia aparta provinco, de ia lando ; nur poste kelkaj el ili, ekz. la franca, la angla, la germana, k. t. p. pli malpli eksterlimiĝis kaj influis ĉu najbarajn landojn ĉu la tutan civilizitan mondon. La jus naskiĝanta Esperanto unuigis kelkajn homojn, sed el la plej diversaj landoj. Kvankam la esperanta movado estis pli intensa en kelkaj terpartoj, tamen tiu movado tuj de la unuaj jaroj estis vere internacia. Al la unuaj Esperantistoj klare ekaperis, ke Esperanto donas flugilojn al la penso, ke per ĝi ili povas, ne plidaŭrigi, sed plivastigi sian ekzistadon kaj, restante ja civitanoj de sia lando, fariĝi samtempe civitanoj de la tuta mondo.

. .
.

Pripensante tiujn apartajn kondiĉojn de la naskiĝo kaj disvastiĝo de nia literaturo, mi konkludos, ke la sentoj kaj ideoj, kiuj inspiris D-ron Zamenhof en la kreada periodo de sia lingvo, devas ankoraŭ gvidadi la estontajn esperantistajn verkistojn.

En tiuj sentoj konsistas la superbela ĉarmo de la originalaj verkoj de nia majstro. Oni relegu en la Krestomatio liajn unuajn verkojn prozajn. Oni relegu liajn belegajn kongresparoladojn en Boulogne, Ĝenevo, Cambridge, Londono, k. t. p. kaj oni konsentos kun tiuj laŭdoj de R-o Boirac (mi tradukas el la franca) : « Pluraj paĝoj de Zamenhof faras impreson de nobla kaj fiera beleco, eĉ de superega belo, kaj la ideoj, sentoj esprimitaj en tiuj paĝoj aperas ne apartigeblaj de la lingvo, kiu ilin esprimas : efektive ili transpasas la limojn de la diversaj landoj kaj trafas, same kiel tiu lingvo, la komunan kaj entutan vivon de l'homaro ».

. .
.

Kelkaj aŭtoroj kiuj, laŭ mia opinio, studis nian movadon el ekstere, ne travivinte Esperanton, asertas, ke la vera agadkampo de Esperanto estas ĉe la tradukado. Vero estas, ke Esperanto estas mirinda tradukilo, kaj ĉiuj ni scias kiel ĝuste, precize, ofte elegante kaj bonsone ĝi reproduktas la majstrajojn de naciaj verkistoj. Konpreneble ĝi ne povas plene anstataŭi *por la naciuloj* la originalon mem : la imitajo ne povas superi la modelon. Sed oni povas diri, ke esperanta traduko preskaŭ ĉiam venkas la nacilingvan.

Tamen ne en tio konsistas ĝia ĉefa tradukpova merito. Ĉe la ordinaraj tradukoj oni anstataŭigas nacian lingvon per alia nacia lingvo, nacian vestajon per vestajo de alia nacio. Sed la esperanta traduko transportas ian ĉefverkon el la aparta trezorejo de tiu aŭ alia popolo antikva aŭ moderna en la komunan trezorejon de ĉiulandaj esperantistoj. Nur la originalo povas efiki tian fenomenon, sed por la profito kaj plezuro de nur tiuj, kiuj sufiĉe konas la lingvon de tiu originalo.

Grandega estas tiu internaciiga valoro de Esperanto. Sed se la tradukoj utilas por la disvolviĝo kaj elformiĝado de nia lingvo, se tiu vetbatalo de artefarita lingvo kun la plej belaj antikvaj kaj modernaj idiomoj ĝin pliriĉigas, fleksebligas, igas pli fortika kaj gracia, tamen ne el tiuj multnombraj tradukoj, kvankam ofte grandmeritaj, konsistas la vera Esperanta literaturo.

. .
.

Esperanto atingos grandan potencon nur kiam, ne forlasante la tradukadon, ĝi sekvos sian propran vojon, kiam ĝi posedos, kiel la aliaj vivantaj lingvoj, siajn prozistojn por ĉerpi temojn, ne el la loka, distrikta, landa pensmaniero, sed el la esperantista vivo mem kaj el la tutmonda komunehoma civilizacio ; kiam ĝi havos siajn poetojn por plori esperantistajn disreviĝojn, malesperojn, malsukcesojn, por prikanti esperantistajn ĝojojn, esperojn, triumfojn.

Mi revas pri romanverkisto kiu, anstataŭ rakonti al mi la strangegajn felietonajn aventurojn de *Kastelo de Prelongo* aŭ de *Ĉu Li ?*, elektos sian temon el la historio de Esperanto, el la vivo de ĝia altpensema kreinto kaj el la multaspektaj fazoj de nia movado. Ne mankas la variaj dampersonoj ; malprofitemaj idealistoj, entuziasmaj disciploj kaj pioniroj, elokventaj kaj allogaj apostoloj, kaj, ho ve ! ambiciuloj, subaĉetemuloj, ruzuloj, falsaj bonmienuloj, perfiduloj ! Ne mankas la faktoj kiuj, de la naskiĝo de Esperanto, tuŝis, kormovis, pasiigis, maltrankviligis la Esperantistaron. Jen sufiĉega materialo por granda historia rakonto aŭ kvazaŭromano, kiu speguligus la malfacilan Esperantan movadon, kiel Iliado kaj Odiseo rebriligas la bataleman kaj aventureman Helladon.

Mi sonĝas ankaŭ pri la lirika poeto, kiu superflugante la malgrandajojn de la loka vivo, la apartajojn de la naciaj antaŭjuĝoj, rigardos trans la landlimojn, ŝvebos super la terglobo, esprimos per allogaj versoj, kiujn parkere scios ĉiuj esperantistoj, tiun profundan malĝojegon de nia nuna homaro, tiel fiera pri siaj artoj kaj sciencaj eltrovoj, sed malkapabla eltiri el ili iom pli da bono kaj feliĉo. Ĉu fine, dank'al Esperantismo, la homaro atingos pli noblan komprenon de nia mallonga vivo per forigo de malamo kaj starigo de justeco kaj harmonio inter la mizeraj mortemuloj ?

Tiamaniere per Esperanto naskiĝos frumalfrue tiu universala literaturo al kiu revis Gœthe verkante sian Ifigenion ; al kiu pensis Victor Hugo en tiom da senmortaj poemoj, en kiuj li prikantis amon, liberecon, interfratiĝon. Sed al ambaŭ mankis la internacia ilo por plene realigi en verkoj siajn pensojn kaj revojn.

Se estas vero, ke nia epoko estas malkvieta pro trorapida evoluado, pro kruda disŝiriĝo inter estinteco kaj estonteco, pro neebla konsento inter la plumbaj katenoj de la rutino kaj la malpezaj flugiloj de l'progreso, tamen eklumas l'espera stelo. En Usono, en Eŭropo, en multaj partoj de la civilizita mondo eksonas alvokoj al arbitracio, al paco, al pli bona organizado de la intergentaj rilatoj. Tiel ellaboriĝas konscienco de la tuta homaro. Per vere originala literaturo Esperanto donacos al tiu ekformiĝanta konscienco, kiu nuntempe nur balbutas, potencan organon kaj sonoran voĉon.

VERTO.

# Al niaj Abonantoj

**Sekve de interkonsento kun la** ***Internacia Propagandejo Esperantista*****, la organo de tiu institucio kaj de la Ĉekbanko Esperantista, LA PROPAGANDISTO, aperos trimonate kiel aldono al ESPERANTO. Ĉiuj niaj abonantoj ricevos senpage tiun interesan folion, kiun ni rekomendas al ilia atento kaj kunlaborado. Unuafoje ĝi aperas samtempe kun tiu ĉi N-ro.**

**La sekvo de la artikoloj pri la Organiza demando (Kiel nin organizi ?) aperos en ESPERANTO de 20 Novembro.**

# SOCIA VIVO

IDEOJ & FAKTOJ

## Montaj fervojoj en Berna Oberlando.

Al Berna Oberlando tri fervojoj alportas la turistojn kiuj serĉas ĉiujare ripozon kaj resanigon en monta aero. La ĉefa fervojo venas de Basel tra Olten al Bern kaj atingas Thun; tiun urbon oni povas konsideri kiel ŝlosilon al Berna Oberlando. De Thun la fervojo ĉirkaŭiras la Thun'an lagon, kaj post tre interesa vojaĝo oni estas en Interlaken, la centro de l'Oberlando, la urbo de la hoteloj. La dua fervojo venas de Montreux-Saanen-Spiez al Interlaken; kaj la tria venas de Luzern super la monto « Brünig » kaj finiĝas en Brienz de kie oni devas vojaĝi per vaporŝipo al Interlaken.

La Berna Oberlando estas nepre la plej bela parto de Svisujo, tion pruvas la multnombraj montaj fervojoj el kiuj estas la « Berner Oberland-Bahnen » la plej grava societo, ĉar ĝi posedas diversajn liniojn. La ĉefa linio komenciĝas en okcidenta stacidomo de Interlaken (569 m. alteco) kun eleganta kurbo ĝi forlasas la normalan fervojon kaj iras rekte kontraŭ la valo de la « Lutschine ». Oni preterveturas vilaĝon Matten, la stacidomojn » Wilderswyl-Gsteig « kaj « Zweilütschinen »; post veturado de unu horo oni atingas « Lauterbrunnen » (800 m. super. m.) Tie la turistoj elvagoniĝas kaj parte vizitas la faman « Truemmelbach » kaj Staubbachfall » aŭ parte veturas al « Mürren » (1.642 m.) fama aer-kuracloko (1).

Ni iras en vagonon kaj post mallonga restado ni foveturas, la lokomotivo, tirante nur unu vagonon, komencas suprenrampi sur la kruta deklivo al « Wengen » (1.275 m.) La vojaĝo tra la valo de la Luetschine estis jam grandega plezuro; nun la turistoj estas ravataj, surprizataj de tiu ĉi grandioza naturo. La montoj ŝajne elkreskas el la tero, unu pinto post la alia ekaperas je la horizonto; inter ĉiuj la reĝino de Oberlando la « Virgulino » (4.166 m.) kun « Mœnch » kaj « Eiger ». Antaŭ niaj fenestroj preteriras montoj kun hoteloj kaj vilaoj, herbejoj kun fojnaj kaj bestaj dometoj; ni rigardas verdajn herbejojn, nigrajn-verdajn abarojn, brunajn rokojn, intermontojn, arĝentajn akvajn falojn, blankajn glaciojn kaj super ĉio estas klarblua ĉielo. Dum ni iom post iom leviĝas, la vilaĝo Lauterbrunnen malaperas en profundeco. Ni traveturas Wengen kaj venas baldaŭ al Wengernalp. Tie ni troviĝas plej proksime al la montegoj super la valo de la « Trünleten » ĉirkaŭ 2 kilometrojn larĝa, kaj fine post nekomparebla veturado longe de Trünleten- valo, ĉiam proksime de la tri grandeguloj « Jungfra » « Mœnch » kaj « Eiger » ni alvenas al stacidomo « Scheidegg » plej alta punkto de la fervojoj (2.070 m.) Nun la fervojo komencas malleviĝi; ĝi iras proksime de la roka muro de l'Eiger kaj post mallonga tempo ni estas en 1.037 m. de alteco en Grindelwald, mirinde lokita piede de tri montegoj « Wetterhorn, Eiger, kaj Faulhorn. Du glaciejoj, multe vizitataj, malleviĝas preskaŭ ĝis al la vilaĝo. Sed ni rapidas atingi la vagonaron kaj post veturado tra la rava valo de Grindelwald ni reatingas Interlaken.

La fervojo Schynige Platte komenciĝas en « Wilderswyl-Gsteig », ĝi havas ankaŭ dentradan sistemon. Tiun ĉi veturadon oni ne povas sufiĉe rekomendi; la vidajo estas ĉiam varia kaj tre pentrinda, eĉ supriza, kiam la vagono forlasas stacidomon « Breitlauenen » kaj atingas tra tunelo la rokan randon. Mirinde bela prezentas sin la ĉeno de la Bernaj Alpoj kaj nekalkuleblaj estas la pli malgrandaj montoj, kiuj ronde ekstaras. Bela kontrasto rilate al la montegaro estas la valoj de Lauterbrunnen kun videbla akvofalo « Staubbach » kaj Grindelwald, vilaĝoj Mürren kaj Wengen. Post 20 minutoj de promenado ni staras sur la « Daube » de kie ni ekvidas la lagojn de Thun kaj Brienz, inter kiuj kuŝas Interlaken, la centro por turistoj. Se estas nebula tago, la vidajo al montegaro estas tute klara; kiel insuloj en maro leviĝas la montoj el nebulo, kaj oni povus kredi, ke ne plu ekzistas homa vivo en la valoj. Je tiuj tagoj la direkcio aparte anoncas « nebulan maron » kaj vere tre vidinda estas tiu natura fenomeno. Tre ŝatata promendo estas ekskurso al « Faulhorn (2.683 m.) atingebla en 3 1/2 horoj. Sur la pinto troviĝas ankaŭ hotelo, kiu estas malfermita eĉ dum vintro. De Faulhorn oni iras malsupren al Grindelwald aŭ Giessbach (Lago de Brienz.)

La Brienz-Rothorn-Fervojo, inaŭgurita en 1892 estas la plej alta vapora fervojo en Eŭropo kun dentrada sistemo; ĝi atingas 2.252 m. super maro kaj havas 7.600 km. longeco, el tio estas tunelita 0,690 km. Pro ĝia granda longeco oni bezonis du akvajn staciojn. La fervojo portas nin de idilia vilaĝo Brienz, bele lokita sur la bordo de l'samnoma lago, per tre agrabla, riĉe varia veturado en 80 minutoj al la mondfama pinto. La okuloj vidas tutan mondon de rokoj ĉielaltaj, glacimontojn, akvofalojn kaj montvalojn kiel nenie troviĝas. Antaŭ ĉio ni admiras la Bernan montegaron kovritan per eterna neĝo kaj glaciejoj; ni ekvidas la fierajn « Wetterhœrner », « Schreckhorn » la akran pinton de « Finsteraarhorn » la glacikovritan « Viescherhœrner » la belan figuron de la « Iungfrau »; plue Grofshorn, Breithorn, Tschingelhorn, Gspaltenhorn, kaj la imponantan kvarpintan Bluemelisalp, kiuj elvokas la admiron de ĉiu rigardanto. Sed ankaŭ rigardoj en malproksimeco de « Saentis kaj Vorarlberg » ĝis al Diablerets, al lagoj de Ĝenevo kaj Neuchatel, al Jura, Rejno, Schwarzwald kaj Vogesen estas vere belegaj kaj admirindaj. Eĉ se la vetero estas malfavora la monto kaj fervojo estas tiel interesaj, ke preskaŭ ĉiuj vizitantoj de la berna Oberlando metas la veturadon al la Brienzer Rothorn sur siaj programoj.

C. Hildebrandt (Del. Thun).

(1) Tiu vojaĝo estis plenumata de cento da Esperantistoj post la Ĝeneva Kongreso.

---

## La Knabaj Stoltoj

Organizajo, enhavanta ĉirkaŭ 500.000 knabojn, kaj kun filioj en preskaŭ ĉiuj Anglaj Kolonioj, krom en multaj aliaj landoj (ekzemple Italujo, Arĝentino, Rusujo, k. t. p.), devas interesi ĉiujn, precipe tiujn, kiuj ŝatas pensi pri la bonstato de la knaboj.

La sistemo estas imito de la vivo kaj moroj de la pioniroj de la civilizacio (ĉasistoj, esploristoj, k. t. p.). Por ke ili povu vivi, tiuj ĉi devas esti rimedoplenaj, memkonfidaj, bravaj, fidelaj. Ili estas la plej bonaj modeloj de la vireco de nia raso; kaj el tiuj-ĉi ni faras ekzemplojn por la knaboj.

La praktiko de la elementoj de tia vivo estas ŝatata de ĉiuj knaboj, kaj tial ili fariĝas volontaj lernantoj, de la skoltarto, kaj ĝiaj leĝoj kaj idealoj estas facile enradikigataj en ili. Tia instruado praktike formas la fortecon de karaktero, kiu tiom mankas en la nuna edukada sistemo de la lernejoj en kiuj libroj ofte havas tro da loko. Nia sola celo estas: doni karakteron al la knaboj, kaj tiel fari bonajn ŝtatanojn.

La sistemo estas tute ne kunligita kun militeco. Lia vireco kaj patriotismo sendube kaŭzus ke ĉiu skolto volus sin prepari por partopreni en la defendo de sia patrujo, se estus necese; kaj, fakte, la praktiko kiun li ricevis en la tendarovivo, skolteco, signalado, k. t. p., donas la plej bonan bazon por la dresado de bonaj soldatoj! Sed, ni ne deziras tro da militeco en nia sistemo.

La instruado estas precipe per ludoj kaj ekzamenoj. La

knabo devas unue plenumi la « trian klanan provon » pri la skolta leĝaro, la signoj, salutoj, k. t. p. Poste li komencas lerni por la « dua klasa provo » pri Ruĝkrucajo, kuirado, signalado k. t. p.; kaj poste por la « unua klasa provo » kiu estas pli malfacila. Poste estas aliaj provoj por specialistoj en signalado, muziko, ruĝkruco, ĝardena laborado, kuirado, k. t. p. (entute 41).

Ĉiu provo havas sian insignon, kaj komkreneble la knaboj tre deziras ilin posedi. Tiel ni povas ilin instrui pri multaj aferoj, kiujn ĉiuj knaboj devus scii, kaj kiuj estos utilaj al la knaboj en ĉiuj iliaj ĉiutagaj metioj kaj laboroj.

Fine, nia moto estas « Estu preta ». Ĉu mi devus aldoni ion plu ?

R. Raven-Hart,
(Hon. Skolt-estro, Anglujo).
(Hon. Komisionano, Arĝentino).

## Kiom da studentoj ekzistas en la mondo ?

Antaŭ ne longe aperis la akademia kalendaro « Minerva », kiu enhavas statistikajn raportojn pri la studentaro. En la tuta mondo ekzistas ĉirkaŭ 250 universitatoj kun 480.000 studentoj. Tiu ĉi nombro, povas ŝajni nekredebla, sed konsiderante, ke en Anglujo kaj Ameriko ĉiu pli granda urbo havas universitaton, tiu ĉi nombro estos pravigita. Teknikistoj estas ĉirkaŭ 72.000. Agronomoj 19.997. Tiu ĉi lasta nombro montras, ke ankoraŭ granda parto de la naturriĉeco restas neuzata. Se oni enkalkulas ankaŭ kelkajn faklernejojn, kiuj estas egaligitaj al universitatoj, ni sendube povas certigi ke en la tuta mondo estas ĉirkaŭ 610.000 universitataj studentoj.

La plej grandaj universitatoj estas la Pariza kun 17.512, Berlina kun 14.634, Tokia kun 10.409, Moskva kun 9.516, Peterburga kun 8.995, Wiena, Munĥena, Budapeŝta kaj New-Yorka ĉiu po 7.000 studentoj.

Por ni Esperantistoj estus tre interese sciiĝi, kiom da samideanoj ni havas en tiu granda studenta mondo, sed pri tio la citata kalendaro silentas.

Rubĉiĉ (Del. Dnbrovnik-Ragusa).

## La Batalado kontraŭ la Ĥolero

Por venki en la batalado kontraŭ la ĥolero, estas necese, ke la batalantoj ĉiam estu pretaj kaj bone organizitaj. Kiam la unua signo de la terura malsano aperas, oni energie devas trafi la necesajn aranĝojn por ĝin venki.

Jupli disvastiĝas la ĥolero despli malfaciliĝas la venko ; do ĉio dependas de la komenco. Ĝis antaŭ 50 jaroj la urbo Rotterdam estis multe turmentata de la ĥolero, kiu faris milojn kaj milojn da viktimoj, sed dum la lastaj 50 jaroj la diversaj urbaj servoj estas tiel bone organizitaj, kaj la kunlaborado estas tiel harmonia, ke la ĥolero kvankam aperinta diversfoje faris nur malmulte da viktimoj kaj baldaŭ malaperis.

Tial ke en Rotterdam venas multe da ŝipoj de preskaŭ ĉiu nacio, la urbaj servoj por la saneco devas esti atentegaj, kaj ĉiam ili estas pretaj je la unua alarmo. La baciloj, kiuj kaŭzas la ĥoleron vivadas en fluidaĵo ; do la ĉefa antaŭgarda rimedo kontraŭ la malsano estas la zorgado por bone filtrita trinkakvo. La akvo el la urbaj filtriloj regule estas ekzamenita de bakteriologiisto kaj ĥemiisto, kiuj eldonas ĉiam de semajno al semajno raporton pri la ĥemia analizo. Dum la lasta ĥolera tempo neniu bacilo estis trovata en la filtrita akvo de la urba tubaro. Dum tiu tempo la urbaj boatoj por la transportado de trinkakvo veturadis la tutan tagon sur la rivero, donante senpage trinkakvon al ĉiuj ŝipoj, eĉ devigis la ŝipistojn preni ĝin ; tiu rimedo kostis multe da mono al la urba kaso, sed la urbestraro tute prave opiniis ke la urba kaso vere ŝparadus grandegan sumon per tiu antaŭgarda rimedo.

En 1909 la ĥolero aperis en Rotterdam la 20-an de Aŭgusto kaj jam la kvaran de Septembro la malsano estis venkita ; en tiu tempo malsaniĝis 34 personoj de ĥolero Azia, ili ĉiuj estis trinkintaj akvon el la rivero ; 15 el ili mortis do 44,1 0/0. La elspezoj de la urbestraro kontraŭ la ĥolero kostis 20.000 Sm.

Krom la provizado al la ŝipoj, la akvujoj de la ŝipoj estas regule ekzamenitaj, kaj se necese oni instigas la ŝipistoju purigi ilin.

La kunlaborantaj urbaj servoj estas : 1° La komisiono por la saneco (komisiono de 15 personoj) ; 2° La urba servo por trinkakvo ; 3° La urba puriga kaj malinfekta servo ; 4° La urbaj malsanulejoj.

Kiam la ĥolero aperas, la komisiono por la saneco senprokraste disdonigas sur ĉiuj ŝipoj jenan cirkuleron, presitan en nederlanda, franca, angla, germana kaj hispana lingvoj :

ĤOLERO

« Trinku en neniu okazo akvon el la rivero.

Uzu nur akvon el la urba tubaro, ankaŭ por la purigado de viaj legomoj aŭ manĝilaro kaj por la preparado de viaj manĝaĵoj.

Kuiru vian lakton.

Ne manĝu nekuiritajn legomojn.

Kiam vi manĝas fruktojn, manĝu nur maturajn fruktojn, kaj senŝeligu ilin.

Kiam malsaniĝas persono sur via ŝipo tuj voku la servon de kuracisto.

Estu en ĉio purema kaj moderema ».

Proksimume la samaj avizoj estas algluataj diversloke en la urbo kaj presitaj en la gazetoj. La banejoj estas fermataj, kaj la akvujoj de ĉiu ŝipo, kiu venas el haveno, kie estas ĥolero, estas sigelitaj.

Kiam nun malsaniĝas persono, ĉe kiu la kuracisto rimarkas simptomon de la ĥolero, li tuj sendas informon al la plej apuda policejo. En ĉiu policejo troviĝas lada skatolo, enhavanta puran kaj zorge enpakitan boteleton kaj kulereton. La kuracisto baldaŭ ricevas la skatolon kaj enigas iom de la ekskrementoj aŭ kraĉaĵo de la malsanulo en la boteleton; intertempe alvenas de la urba malinfektejo biciklisto, kiu tuj alportas la botelon al la urbaj bakteriologiistoj, kiuj aranĝis tagan kaj noktan servon. De nun oni konsideras la kazon kvazaŭ ĥoleron ĝis la bakteriologia instituto eventuale anoncas kontraŭe. Do por la malsanulo la antaŭgardaj rimedoj ne havis efikon ; li tamen trinkis akvon el la rivero. Nun oni devas eviti la infektadon kontaktan.

La urba malinfekta servo tuj sendas malinfektistojn, kiuj baldaŭ alvenas kun veturilo, kiu enhavas ĉion kion ili bezonas. Ili zorgas, ke la ekskrementoj ne venu en la defluejoj de la urbo, sed en por tiu celo destinata ujo en kiu ili estas sendanĝerigitaj. La malsanulo prudente estas transportata al la izolita barako, kaj oni kondukas ĉiujn personojn, kiuj havis kontakton kun la malsanulo al la observejo. En tiu observejo oni regule ekzamenadas la ekskrementojn de la izolitoj kaj kiam post kvin tagoj la rezulto ankoraŭ estas negativa oni liberigas ilin ; sanaj personoj, kiuj tamen estas bacilhavaj devas resti tie ĝis ili plene montriĝas senbacilaj, kaj kiam ili malsaniĝas, ili estas transportataj al la barako. El la 34 personoj, kiuj malsaniĝis de la ĥolero en 1909, 11 personoj mortis hejme aŭ antaŭ ol ili alvenis en la barako. El la 23 personoj, kiuj estis flegataj en la barako 19 resaniĝis ; tio do bone montras la bonajn zorgojn. La polico zorgas, ke antaŭ kaj dum la transportado al la barakoj aŭ observejo neniu persono nenecese eniru la domon aŭ suriru la ŝipon, kaj ke neniu persono, kiu havis kontakton kun la malsanulo evitu la observadon. Post la foriro de la personoj, oni malinfektas la ŝipon aŭ domon, kaj la posedanto de la malinfektitaj objektoj ricevas el la urba kaso la

monsumon, kiu egaligas ian malprofiton, kaŭzitan de la malinfektado.

Kiam la ĥolero aperis en Rotterdam en Aŭgusto 1909, la unuan tagon mortis 5 personoj. La urba malinfekta servo uzis 100 malinfektistojn, 10 ĉevalojn kun veturiloj, kaj 2 aŭtomobilojn. En la barako estis transportataj 26 personoj; en la observejo venis 188 personoj, 180 el ili estis liberigitaj post 5 tagoj., 8 montriĝis bacilhavaj, 2 el tiuj 8 personoj malsaniĝis kaj estis transportitaj al la barako, kaj la aliaj 6 personoj restis kvin tagojn post la malapero de la baciloj. La urba kaso pagis la vivadon de la observitoj en la observejo, kaj la monsumon, necesan por la vivado de la familianoj de tiuj personoj kiuj estis malhelpataj zorgi por sia familio pro la observado.

La malinfektistoj kaj la aliaj personoj, kiuj en sia servo havis kontakton kun la malsanuloj venas matene en siaj propraj vestoj en la urban malinfektejon; tie ili ŝanĝas la vestaron kaj komencas sian laboron. Antaŭ ol hejmiri ili prenas malinfektan banon, dum iliaj demetitaj vestoj estas malinfektitaj en la apuda hejtujo. Iliaj ekskrementoj regule estas ekzamenitaj de la bakteriologiistoj. En Septembro 1909 nur unu flegistino de la barako montriĝis bacilhava, ŝi ne malsaniĝis sed restis en la observejo ĝis 5 tagoj post la malapero de la baciloj. Ankaŭ la resanigitaj malsanuloj restis tiel longe en la observejo. La loĝejoj kaj hoteloj regule kaj zorge estis ekzamenitaj de la urbaj kuracistoj, ĉar la sukceso dependas de la rapida kaj forta agado en la komenco.

Dank'al la priskribitaj rimedoj la ĥolero baldaŭ kaj plene estis venkita. Grava fakto ankaŭ estas, ke la urbestraro ĉiutage oficiale informis pri la stato de la malsaneco, nome kiom da personoj malsaniĝis, kiom da personoj estis kondukitaj al la observejo, kaj kiaj aliaj aranĝoj estis faritaj. Tiu honesta kaj vera informado trankviligas la urbanojn; ili havas konfidon en la urbestraro, kaj ili ne povas esti maltrankviligitaj de troigaj informoj en jurnalaĉoj, kiuj certe kaŭzus konfuzon, se la urbestraro agus sekreteme.

Tutkore mi esperas ke tiu-ĉi artikolo estos utila al tiuj urboj, kiuj estas turmentataj de la ĥolero kaj ne havas sufiĉan organizon por la batalo kontraŭ ĝi.

P. J. Vermaas (Del. Rotterdam).

## Universala poŝta afranko

Rilate la notojn pri la ĉi supra temo presitajn en № 106 de *Esperanto* (5 Aŭgusto 1911) mi povas doni pli detalajn informojn.

Jam la lasta universala poŝtkongreso okazinta en Romo antaŭ kvin jaroj, okupiĝis pri la demando de malplialtigo de la universala poŝta afranko, sed ĝi malakceptis tiun postulon, kiel ankaŭ la intervenan proponon de Japanujo, kiu estis atingonta la saman celon per etapoj kaj tial proponis malpligrandigon de la afranko ĝis 8 Sd.

En 1913 en Madrido havos lokon nova universala poŝtkongreso kiu sendube pritraktos la saman problemon, ĉar la agitado por malplialtigo de la universala poŝta afranko intertempe forte kreskadis. En Granda Britujo, kiu ĝin ekiniciatis, formiĝis tiucela ligo, kaj en Germanujo ia nombro de komercaj ĉambroj kaj kelkaj aliaj sociaj korporacioj kun insista decidemo aprobis la saman postulon.

Kaj efektive tiu postulo — kiun Henriko Stephan, la iama germana ŝtata sekretario jam antaŭ 25 jaroj nomis sia « idealo » – neniel estas utopiajo. Konsiderante pli precize la aferon oni malkovras, ke ni jam estas sur la vojo al ĝia realiĝo. La statistiko nin instruas, ke jam nun — laŭ la meza kvanto de ĉiuj landoj — proksimume 40 % de la poreksterlandaj leteroj subiĝas ne al la afranko de 10 Sd., sed al la enlanda sendpago de 4 Sd. Ne nur ekzistas jam granda nombro de apartaj poŝtunuiĝoj, ĉe kiuj valoras la enlanda afranko — jam ne parolante pri tio, ke la grandaj koloniaj regnoj kun siaj protektataj teritorioj prezentas tiajn poŝtunuiĝojn — sed oni ankaŭ devas alkalkuli la multenombrajn aliajn poŝtkontraktojn. Ekzemple Germanujo havas interkonsenton pri 4 spesdeka afranko, kun Aŭstrio-Hungarujo, kun Luksemburgo, Ĥinujo, eĉ kun Maroko. La tuta norda Ameriko (Usono, Kanadio, Meksiko), tuta Aŭstralio, tuta Sudafriko jam prezentas apartajn 4 spesdekajn teritoriojn. Al la sama afranko subiĝas ankaŭ la leteroj inter Granda Britujo kaj Usono kaj en limigita mezuro tio ankaŭ koncernas la interŝanĝon inter Germanujo kaj Usono, ĉar la takso por afrankitaj leteroj estas 5 Sd. po 20 gramoj tien kaj reen 0.08 Sd., po unco, sed fakte nur tiam, kiam la leteroj estas transportataj je la rekta mara vojo.

Laŭ statistiko antaŭ ne longe publikigita ekzistas jam 11 koloniaj poŝtunuiĝoj tiel, ke ni fakte alproksimiĝas je grandaj paŝoj al la malplialtigita universala poŝta afranko; restas sole solvota la problemo, kiel interpontigi la apartajn poŝtunuiĝojn; do plenumota estas la parolo de Henriko Stephan « ke ĉio estu unu paŝtisto kaj unu brutaro, ke ni havu la saman afrankon sur la tuta tero; tio ne estas sensenca, sed kontraŭe tre logika ».

Ankaŭ la poŝtadministracioj kiuj plejofte rigardis la reformemon kun tro burokrata pedanteco, ĉesis kontraŭstari la tiel nomatan universalan poŝtan afrankon per principaj duboj, sed nun — kiel ekzemple antaŭ ne longe la ŝtata sekretario Kraetke en la imperia parlamento germana — limiĝas akcentante nur la financan riskon. Sed tiu timo certe povas esti rigardata kiel troa. Se oni (en Germanujo) elkalkulis el la enkonduko de la enlanda poŝta afranko perdon de 5 milionoj da $ por la imperia poŝtkaso rilate la poreksterlandajn leterojn, necese estas rememorigi, ke la antaŭulo de Kraetke (generala poŝtestro) sinjoro V. Podbielski, elkalkulis enkasan perdon de 1 1/4 milionoj da Sm. sekve de la plialtigo de simpla porletera pezo de 15 ĝis 20 gramoj, dum en realeco jam en la nuna jaro rezultis el la leterinterŝanĝo enspeza *pligrandiĝo de 6 milionoj da Sm.* Entute la historio de la interkomunikiĝo instruas al ni, ke ĉiu malpliatigo de la tarifoj (ĉar ĝi prezentas plibonigon kaj plifaciligon de la porinterrilataj kondiĉoj) plivivigas la interŝanĝon kaj per tio samtempe progresigas la ekonomian disvolviĝon. Tiu vero, pruvita per spertoj, bedaŭrinde eĉ en la nuna centjaro (karakterizita — laŭ parolo de la germana imperiestro — per la interkomunikiĝo) ankoraŭ neniel estas aprobata de tiuj, kiuj ĝin praktike devus apliki. Do ne timinda estas la eventuala eta risko financa, kiu cetere povus havi nur periodan efikon. Tio ankaŭ koncernas la aserton, ke la demando pri « trapasaj depagoj » estas malhelpo kontraŭ la enkonduko de la malplialtigita universala afranko. Laŭ la plej freŝa statistiko eldonita de la Universala poŝta Unio la « trapasaj depagoj » ĉiulandaj sumiĝis nur je 9 1/2 milionoj da frankoj ( 4 3/4 milionoj da Sm.). Tiu ĉi sumo dividiĝas je 136 poŝtadministracioj tiel, ke unuj pagas aldone, aliaj ricevas. Fine perdo eventuala je trapasaj depagoj (cetere plimalaltigebla per malgrandigo de ĝiaj kotizajoj, propono jam ofte prezentita) sendube egaliĝus per la pligrandiĝo de la interŝanĝado.

Cetere ĉi ĉio estas problemoj prijuĝotaj ne sole de fiska vidpunkto, sed almenaŭ de pli alta socie-politika observejo, jam ne parolante pri ĉio alia. Sed, ke malplialtigo de la poreksterlanda afranko havus efikon vivigan kaj prosperigan rilate la komercon kaj interŝanĝon, tion konvinke esprimis la supre cititaj decidoj de la komercaj ĉambroj kaj de aliaj ekonomiaj korporacioj. Restos la tasko de l'rondoj *komercaj* kaj *industriaj* zorgadi per fervora agitado, ke la demando pri universala afranko dum la venonta universala poŝtkongreso en 1913 trovu pli favoran akcepton ol dum tiu de la jaro 1906.

F. Pillath.
(*Del. Essen*).

FELIETONO

# La Suferoj de juna Werther

de W. v. GŒTHE

Trad. P. USINGER

Ŝi jesis kun tiom da sincereco, ke mi apenaŭ povis atenti la konvenan momenton por iri al ŝi. Ŝi ne estas de tie ĉi, kaj loĝas ĉe onklino. La fizionomio de la maljunulino ne plaĉis al mi. Mi montris al ŝi multe da respekto, mia parolo plej ofte estis turnita al ŝi, kaj post malpli ol duonhoro mi preskaŭ sciis, kion la fraŭlino mem poste konfesis al mi, ke la kara onklino en sia maljuneco havas senecon de ĉio, nenian sufiĉan proprajon, nenian mentalon kaj neniujn helpantojn escepte la aro de siaj antaŭuloj, nenian ĝojon escepte rigardi de sia etaĝo super la burĝajn kapojn. Estas dirate, ke en sia juneco ŝi estis bela, kaj ke ŝi facilamime konsumis sian vivon, unue turmentis per sia obstineco pli ol unu mizeran junulon, kaj en pli matura aĝo kliniĝis sub la obeon al maljuna oficiro, kiu je tiu ĉi prezo kaj je iom sufiĉa vivteno travivis kun ŝi la bronzan jarcenton kaj mortis. Nun ŝi estas sola en la fera kaj ne estus honorata, se ŝia nevino ne estus tiel aminda.

La 8-an de januaro 1772.

Kiaj homoj estas tiuj, kies animo tute estas bazita sur la etiketo, kies pensado kaj penado dum multaj jaroj celas tion, ke ili sin enŝovu unu seĝon pli supre ĉe la tablo ! Kaj ne, ke ili ne havus aliajn aferojn, ne, pli vere la laboroj amasiĝas, ĝuste tial ke oni estas detenata de la ekspedado de gravajoj pro la malgrandaj malagrablajoj. Lastan semajnon ekestis disputoj ĉe glitveturado, kaj ĉia amuzo estis detruata.

La malsaĝuloj, kiuj ne komprenas, ke tio tute ne dependas de la unua loko, kaj ke tiu, kiu havas la unuan, tiel malofte ludas la unuan rolon ! Kiom da reĝoj, kiom da ministroj estas regataj de siaj sekretarioj ! Kaj kiu do estas la unua ? Tiu, mi opinias, kiu superrigardas la aliajn kaj havas tiom da aŭtoritato kaj ruzo por streĉi iliajn fortojn kaj pasiojn al la efektivigo de siaj projektoj.

La 20-an de januaro.

Mi devas skribi al vi, kara Ĥanjo, tie ĉi en la ĉambreto de malgranda vilaĝa gastejo, en kiun mi rifuĝis pro malbonega vetero. Dum mi vagas en la mizera vilaĝaĉo D..., inter la fremda, al mia koro tute fremda popolo, mi havis neniun momenton, kiam mia koro ne instigis min skribi al vi, kaj nun en tiu ĉi kabano, en tiu ĉi soleco, en tiu ĉi limiteco, kiam neĝo kaj hajleroj sovaĝas kontraŭ mia fenestreto, ĉi tie vi estis mia penso unua. Enirante mi ekpensis vian memoron, ho Ĥanjo, tiel sankte, tiel varme ! Bona Dio ! ree la unua feliĉa momento !

Se vi vidus min, mia plej bona, en la amaso da distreco ! kiom sekiĝas miaj sentoj ! Ne unu momenton de la pleneco de la koro (1), ne unu feliĉa horo ! Nenio ! Nenio ! Mi staras kiel antaŭ kesto de kuriozajoj kaj vidas la viretojn kaj ĉevaletojn antaŭ mi moviĝantajn kaj ofte demandas min, ĉu ĝi ne estas optika trompo. Mi kunludas, pli vere, mi estas ludata kiel marioneto kaj kelkafoje prenas mian najbaron ĉe la mano ligna kaj ektremas. Vespere mi intencas ĝui la sunleviĝon kaj ne povas elltiĝi ; tage mi esperas ĝoji pri la lunbrilo kaj restas en mia ĉambro. Mi ne bone scias, kial mi leviĝas, kial mi kuŝigas min.

(1) aludo al « la pleneco de la koro » de F. L. de Stolberg. Rim. de la trad.

La acida pasto, kiu ekmovis mian vivon, mankas ; la ĉarmo, kiu vigligadis min en profunda nokto, estas for, kiu vekis min matene, de la dormo, estas malproksima.

Unu virinan kreajon mi trovis ĉi tie, ian fraŭlinon de B...; ŝi similas vin, kara Ĥanjo, se oni povas vin simili. « He » vi diros, « la homo sin almetas al beletaj komplimentoj ! » Tute malvera ĝi ne estas. De kelka tempo mi estas tre ĝentila ĉar mi ja ne povas esti alia, havas multe da spirito kaj la fraŭlinoj diras, ke neniu povas laŭdi tiel delikate kiel mi (kaj mensogi, vi aldonas ; ĉar ĝi ja neniam mankas, ĉu vi komprenas (?). Mi intencis paroli pri fraŭlino B... Ŝi havas multe da animo, kiu plene elrigardas el ŝiaj bluaj okuloj. Ŝia rango estas ŝarĝo al ŝi, kiu kontentigas neniun el la deziroj de ŝia koro. Ŝi sopiras foresti de la tumulto, kaj ni fantaziadas pli ol unu horon pri kamparaj scenoj de pura feliĉeco, ha, kaj de vi ! Kiel ofte ŝi devas honori vin, ne devas, sed faras ĝin libervole, aŭdas tiel volonte de vi, amas vin.

Ho, ke mi sidu je viaj piedoj en la kara intima ĉambreto, kaj niaj malgranduloj rulu unu la alian ĉirkaŭ mi, kaj kiam ili fariĝus tro malsilentemaj al mi, mi volus kunigi ilin je silento per terurega fabelo.

La suno majeste subiras super la neĝobrilanta regiono, la ventego transpasis, kaj mi — devas aresti min denove en mia kaĝo — adiaŭ ! Ĉu Alberto estas ĉe vi ? kaj kiel ? — Dio pardonu al mi tiun ĉi demandon !

La 8-an de februaro.

Ni havas depost ok tagoj la plej abomenan veteron, kaj al mi ĝi estas bonfara. Ĉar dum mi estas ĉi tie, neniu bela tago ankoraŭ aperis al mi je la cielo, kiun iu ne malbonigis aŭ malagrabligis al mi. Se nur forte pluvas kaj ventas kaj frostas kaj degelas, ha, mi pensas, hejme ĝi ne povas fariĝi pli malbona ol ekstere aŭ renversite, kaj tiel estas bone. Kiam matene la suno leviĝas kaj promesas belan tagon, neniam mi malpermesas al mi ekkrii : jen ili ree havas ĉielan bonon, kiun ili povas forpreni unu al la alia. Estas nenio, kion ili ne forrabas al ni reciproke : Saneco, reputacio, gajeco, refreŝiĝo ! Kaj plej ofte pro stulteco, malkomprenemo kaj malvasteco, kaj, se oni aŭskultas ilin, kun la plej bona intenco. Ofte mi dezirus ilin peti genue, ke ili ne furiozegu tiel kontraŭ siaj propraj internajoj.

La 17-an de februaro.

Mi timas, ke mia ambasadoro kaj mi ne longe plu persistos kune. La viro estas neniel tolerebla. Lia maniero de laborado kaj negocado estas tiel ridinda, ke mi ne povas min deteni de kontraŭparolado kaj ofte fari aferon laŭ mia opinio kaj mia maniero, kio tiam, kiel nature, ne plaĉas al li. Pro tio li antaŭ ne longe kulpigis min ĉe la kortego, kaj la ministro faris al mi etan riproĉon, tamen ĝi estis riproĉo kaj mi estis petanta mian eksigon, kiam mi ricevis de li privatan leteron (1), leteron, antaŭ kiu mi ekgenuis kaj adoris la noblan, saĝan mentalon. Kiel li mallaŭdas mian troan ofendiĝemon, kiel li honoras miajn ekscentrajn ideojn pri aktiveco, pri influo je aliaj, pri sukceso en aferoj kiel junecan bonan kuraĝon, ne klopodas ilin ekstermi, sed nur moderigi kaj direkti tien, kie ili havas sian veran ludon, povas fari sian fortan efikon. Ankaŭ mi estas fortigita por ok tagoj kaj fariĝis unuopinia pri mi mem. La trankvileco de l'animo estas belegajo kaj la ĝojo pri si mem, kara amiko, se nur la juvelo ne estus same rompebla kiel bela kaj multvalora.

(1) Oni forlasis el tiu ĉi kolekto tiun ĉi leteron kaj alian, kiu estas citata pli malsupre pro respekto de tiu ĉi nobla sinjoro, ĉar oni kredis, ke tiu ĉi kuraĝo ne estu pardonebla per la plej varma danko de la publiko.

La 20-an de februaro.

Dio benu vin, miaj karaj, donu al vi la bonajn tagojn, kiujn li forprenas de mi.

Mi dankas al vi, Alberto, ke vi trompis min, mi atendis informon, kiam estus via edziĝa tago kaj intencis je ĝi depreni solene la silueton de Ĥanjo de la muro kaj kaŝi ĝin en aliaj paperoj. Nun vi estas paro, kaj ŝia bildo ankoraŭ estas ĉi tie! Nu ĝi restu! Kaj kial ne? Mi scias, ke mi ja ankaŭ estas ĉe vi, estas, sen malutilo por vi, en la koro de Ĥanjo, havas, ja havas duan lokon en ĝi kaj devas kaj volas ĝin konservi. Ho, mi fariĝus furioza, se mi povus forgesi ŝin — Alberto, en tiu ĉi penso enestas infero. Alberto, fartu bone! Fartu bone, anĝelo de la ĉielo! Fartu bone, Ĥanjo.

La 15-an de marto.

Mi havis ĉagrenon, kiu forpelos min de tie ĉi. Mi grincigas la dentojn! Diablo! ĝi ne estas kompensebla kaj vi solaj estas kulpaj pri ĝi, kiuj min instigis kaj puŝis kaj turmentis, ke mi iru en oficon, kiu ne estas laŭ mia gusto. Jen mi havas ĝin! jen vi havas ĝin! Kaj por ke vi ne denove diru, ke miaj ekscentraj ideoj malbonigas ĉion, kara sinjoro, vi jen havas rakonton klaran kaj beletan, kian skribus kronikisto.

La grafo de C.,. amas min, distingas min, ĝi estas konita, tion mi jam centfoje diris al vi. Nun mi estis hieraŭ invitita de li, je la sama tago, kiam vespere la nobla aro da sinjoroj kaj sinjorinoj kunvenas ĉe li, al kiu mi ne pensis; ankaŭ neniam frapis min, ke ni subranguloj ne apartenas al ĝi. Bone. Mi manĝas kun la grafo, kaj post la manĝo ni promenetas en la granda salono, mi parolas kun li, kun la kolonelo B..., kiu alvenas, kaj tiel la horo de la societo alproksimiĝas. Mi pensas, Dro scias, je nenio. Tiam eniras la trofavora sinjorino de S... kun sinjoro sia edzo kaj bone kovita ansereto filino kun la plata brusto kaj beleta korseto, faras pasante siajn tradiciajn altnobelajn okulojn kaj naztruoj, kaj ĉar la nacio estas al mi antipatiega, mi jus volis foriri kaj atendis nur, ĝis kiam la grafo estus libera de la malbela babilaĉo, kiam mia fraŭlino B... eniris. Ĉar la koro ĉiam iom sereniĝas al mi, kiam mi vidas ŝin, mi restis, ekstaris post ŝia seĝo kaj rimarkas nur post iom da tempo, ke ŝi parolas kun mi malpli sincere ol alitempe, kun iom da embaraso. Tio frapis min. Ŝi ankaŭ estas tia, kia ĉiu tiu popolaĉo! mi ekpensis kaj estis kolereta kaj volis foriri; kaj tamen mi restis, tial ke mi volonte estus senkulpiginta ŝin, kaj ne kredis ĝin, kaj esperis ankoraŭ bonan parolon de ŝi kaj — kion vi volas. Dume la societo pleniĝas. La barono F... kun la tuta vestaro de la kronad-tempo de Francisko unua, la kortega konsilanto R... sed ĉi tie *in qualitate* nomata sinjoro de R..., kun sia surda edzino k.t.p. ne forgesinde la malbone ekipita J... kiu flikas la truojn de sia antikve franka vestaro per novmodaj tukpecoj. Mi parolas kun kelkaj el mia konataro, kiuj ĉiuj estas tre lakonaj. Mi pensis, kaj atentis nur mian B... Mi ne rimarkis, ke la sinjorinoj je la fino de la salono murmurestis al siaj oreloj, ke ĝi celis la virojn, ke sinjorino de S... parolis kun la grafo (ĉi ĉion fraŭlino B... poste rakontis al mi) ĝis fine la grafo aliris al mi kaj prenis min en fenestran angulon. « Vi scias » li diris, « niajn strangajn rilatojn; la societo estas malkontenta, mi rimarkis, vidi vin ĉi tie ». « Mi ne volis por ĉio — Via grafa moŝto » mi interrompis, mi milfoje petas pardonon, mi devus pli frue pensi pri ĝi, kaj mi scias, ke vi pardonos al mi tiun ĉi malkonsekvencon; « mi jam volis antaŭe foriri, malbona genio retenis min », mi aldonis ridetante kaj kliniĝis. La grafo premis miajn manojn kun sento, kiu diris ĉion. Mi kaŝe ŝteliris for de la nobla societo, iris, eksidis en kabrioleton, kaj veturis al M... por vidi tie de la monteto la malleviĝantan sunon kaj legi en mia Homero la belegan kanton, kiel Ulixes (1) estas regalata de la bonega porkgardisto. Ĉio ĉi estis bona.

(1) Elparolu « Ulikses » — Odysseus Komp. Odiseo XIV. Rim. de la trad.

# TRA
LA
# ESPERANTA LITERATURO

*Bossuet*. — **Funebra parolado pri Louis de Bourbon, princo de Condé**, trad. Louis Bastien. — Paris, Presa esperanta societo, 33, rue Lacépède, Prezo : Sm. 0,40.

La fama ĉefverko de Bossuet renkontis en S-ro L. Bastien indan tradukiston, kaj tio ne estas negranda laŭdo. La traduko estas samtempe fidela kaj eleganta, kaj multaj lokoj faras, eĉ al franca leganto, preskaŭ la saman impreson kiel la originala teksto. La verko de S-ro Bastien estas modelo.

En la antaŭparolo (p. 6) mi rimarkis erareton. « La funebra parolado estas malpli laŭdo de la mortinto, ol doktrina elmontro de la religio kaj instruo por la vivuloj; ĝi fariĝas preĝo, aŭ, laŭ la franca termino, *oraison funèbre* (laŭvorte : *funebra preĝo*) ». Tio estas neĝusta. En tiu esprimo (oraison funèbre) kaj pli ĝenerale en la tiama franca lingvo, *oraison* signifas *parolado*, *oratorajo*. Tiutempe oni diris : la « oraisons » de Demosteno, de Cicerono. Ekz. ĉe la Bruyère (1-a ĉap.) : « Oni eble ĝis nun neniam vidis literaturan ĉefverkon rezultantan el kunlaborado : Homero verkis Hiadon, Virgilio Eneidon, Titus Livius siajn Dekadojn kaj la Romana oratoro siajn « oraisons » (= paroladojn, ne preĝojn ! )

*R. de Ladevèze*. — **Demandaro** pri la Historio, Literaturo kaj organizajoj de Esperanto por Esperantaj Ekzamenoj. — Friedrich Ader, Esperanto-Verlag, Dresden-A. Prezo (ne montrita).

Tian lernolibron jam de longe bezonis la Esperantistoj. Multaj, precipe la nove varbitaj, kiuj nur lernis la lingvon, sed ne travivadis nian movadon, preskaŭ malkonas la historion de Esperanto, ĝiajn literaturon kaj organizajojn. Ĝis nun estis necese, ke ili legu multajn kelkfoje malfacile haveblajn librojn kaj gazetojn; sed plej ofte, pro diversaj motivoj, ne povante tion fari, ili nenion sciis pri tiuj gravaj demandoj kaj vivis en Esperantujo kiel ekzemple Germano, kiu ignorus la historion kaj instituciojn de tia lando.

Nun preskaŭ sufiĉos, ke ili tralernu la bonege verkitan libron de S-ro de Ladevèze.

La libro, aranĝita per demandoj kaj respondoj enhavas multajn legindajn paĝojn de nia majstro kaj de aliaj eminentuloj. Ĝi konsistas el sepa partoj : I *Historio* de l'ideo pri internacia lingvo (deveno, Volapük). — II *Esperanto*, historio de la lingvo (Zamenhof, Fundamento, Kongresoj). — III *Lingvaj organizajoj* (Lingva Komitato, Akademio). — IV *Nelingvaj organizajoj* (Centra oficejo, konstanta komitato de la Kongresoj, Universala Esperanto Asocio). — V *Gazetaro*. — VI *Literaturo*. — VII *Nuna stato de l' Movado*.

Oni vidas, kian riĉan materialon enhavas tiu 80 paĝa libreto. Bone presita, en oportuna poŝformato, ĝi havigos al la Esperantistoj kaj pli speciale al la kandidatoj de Internacia Instituto tre utilan dokumentaron.

Mi citos nur kelkajn liniojn de la postparolo : « Ĉirkaŭrigardo tuj konvinkas nin, kiom potenca kreskis nia baldaŭ 24 jara kverko, kiom alte, majeste ĝi balancas sian kapon kaj kiom profundaj estas la radikoj ĝin subtenantaj. Ĝi estas bildo de forto kaj potenco, ĝiaj multaj branĉoj kaj riĉa foliaro disdonas ombron kaj freŝon : tamen mankas io por doni gajan, feliĉan tonon, mankas floro. Nu, tiun floron ni havas, ĝi estas la interna ideo de esperantismo..... »,

VERTO.

# ESPERANTISMO

### A NIA LEGANTARO

Ni rememorigas al niaj legantoj, ke ni deziras la kunlaboradon de kiel eble plej multaj samideanoj por la redakto de la rubriko « Esperantismo », Ne necese estas skribi leterojn : plej ofte sufiĉas poŝtkarto. Ni plezure empresos ĉiujn informojn pri nia movado, sed komprenebla ne devos kelkfoje resumi, ĉar mankas al ni loko. Ni rekomendas al helpontoj la precizecon ; ili bonvolu indiki la daton de ĉiu fakto (parolado, kurso, k. t. p.) la devenon de ĉiu informo. Por artikoloj en naciaj jurnaloj oni sendu al ni se ne la jurnalon mem, almenaŭ ĝian titolon kaj daton, la nomon de la urbo, kie ĝi aperas, kaj resuman enhavon de l'artikolo. Plue, kiam komitato organizas nacian aŭ provincan kongreson aŭ eĉ feston iom gravan, estas konsilinde konigi al nia redakcio kiel eble plej frue la daton kaj probramon de tiu okazontaĵo. Tiela reklamo ne estas vana por la sukceso. Senutile diri, ke ni poste danke ricevos iom detalan raporton pri tiaj manifestadoj de nia vivado. Ĉiuj korespondajoj devas alveni antaŭ la 12ª kaj 27ª de ĉiu monato al la adreso : « Esperantio », rue de la Bourse, 10, Genève, Svislando.

## KRONIKO

**Novaj grupoj kaj societoj.** — En *Hago* (Nederlando) fondiĝis, la 11 oktobro, la societo « Klubo de Katolikaj esperantistaj laboristoj », sekve de raporto pri « Esperanto kaj Elmigrado », legita en la dua katolika kongreso ; 50 membroj. — N. V. C.

En *Narva* (Rusujo) nova grupo kun 66 membroj ; kunvenas ĉiuĵaŭde kaj kore invitas ĉiujn trapasantojn. — J. T.

En *Calafat* (Rumanujo), nova grupo. — G.

En *Perth* kaj *Melbourne* (Aŭstralio), same. — G.

En *Dresden*, « Fideleco », grupo de katolikaj samideanoj. — Z.

En *Lübeck* (Germanujo), Komercista Esperanto Grupo. — M.

En *Gap.* (Suda Franc,) la grupo, reorganizita de S-ro Faucher kaj kelkaj samideanoj, vigle propagandas. — E. G.

En *Zarszyn* (Galicio-Aŭstrio) nova grupo. — K. L.

**Novaj kursoj.** — En *Sta Coloma de Farnès* (Hispan.) du kursoj komenciĝis la 2 de oktobro kun kvardek lernantoj. — V. L.

En *Royan* (Franc.) senpaga kurso, de S-ro R. Brisset, Del. U. E. A. — B.

En *Coutances* (Franc.) ĉe la urbdomo. — R.

En *Trieste* (Aŭstrio), ĉe la supera teknika Lernejo (S-ro D. Cossaro) kaj ĉe la normala Lernejo (D-ro Ghez) ; tria baldaŭ ĉe la Komerca Ĉambro. — P. V.

En *Hago* (Nederlando) baldaŭ malfermiĝos kursoj organizataj de la Katolika Laborista Klubo. — V. C.

En *Budapesto* (Hungarl.) 6 kursoj, kies elspezojn pagas la urbestraro. La nacia propaganda Societo enhavas 2.500 anojn. — G.

En *Arad* (Hungar.) la 1 de Oktobro (S-ro F. Gzukor) ; supera kurso (S-ro A. Daŭda) ; sume 50 partoprenantoj. — H. I.

En *Nagysurany* (Hungarl.) 50 ĉeestantoj. — H. I.

En *Parizo* la programo de la senpagaj kursoj por 1911-12 (vintre) citas 63 instruejojn (laŭ « Paris-Esperanto).

En *Cannes* (Suda Franc.) nova kurso anoncita en « Le Petit Marseillais » de 16 Octobro. — M.

En *Valencia* (Hispan.) Vigla laborado, kursoj ĉe la sekvantaj Societoj : Instituto, Industria Lernejo, Komerca Lernejo. Normala Virina Lernejo (oficialaj centroj, kun registara permeso). Privataj societoj : Komiza Asocio, Katolika Societo, Politika Legitimana Klubo ; ĉe la grupo esperantista : 3 kursoj. — L. P.

**Kunvenoj kaj festoj.** — La grupo de *Taverny kaj St.-Leu* kunvenis la 29 septembro. La komitato estas nun : ĝenerala sekretario, S-ro. Brieux ; sekretario por St.-Leu, S-ro. Bezard kasisto, S-ro. Porée. — B.

*Portsmouth* (Anglujo). — La ĉiujara kunsido de la grupo okazis la 4 oktobro. Ĉeestis reprezentantoj de kvin lokaj jurnaloj. Komitato : S-ro. Fennall, prez. ; S-ro. Johnson sekretario ; S-ro. Bryan, kas. ; Sekvis legado de raportoj kaj amuza parto. H. M.

*Coutances* (Franc.). — Grupo Zamenhof, ĝenerala kunveno la 8-a. oktobro, ĉe la urbdomo ; prezidis la sub-urbestro S-ro. Baize, elektita poste kiel honora prezidanto de la grupo. Prez. : S-ro. Coricon ; Sekr. : S-ro. G. Ruault. Aliaj komitatanoj : S-ro. Guérard, F-ino. Lemoigne, S-ro. Sajous, S-ro. Cadiou. — K.

*Aracaju* (Brazil). — La komitato konsistas el S-roj. : D-ro. A. Correa Paes, prez. ; D. Rocha, vic-prez. ; A. Q. R. Silva kaj G. Campos, sekr. ; O. Correa Leite, Kasisto. Helpantoj : S-roj. H. de Gouveia, V. Hora de Mesquita, O. Mattos, L. Mattos. — S.

La grupo *Mannheim* (Germ.) vizitis la 13-a. septembro la grupon de Ludwigshaven, kiu tre amike akceptis la ekskursantojn en ia ĉambrego de la Komercista Unuiĝo. Post kelkaj bonvenaj paroloj de S-ro. Heine, S-ro. Kohan paroladis pri Esperantismo kaj siaj propraj spertoj en fremdaj landoj, kie li ĉiam trovis amikojn. Ĉeestis sume 40 gesamid. — M. K.

**Paroladoj.** — La 13-a. septembro, en *Cannes* (Franc.) Leŭtenanto Martin, Del. U. E. A. — G.

En *Montagnac* (Hérault), ankaŭ de Leŭtenanto Martin.

*Hamburg.* — Parolis pri la 7ª kongreso en la Unua Grupo D-ro Mybs, S-roj Epstein kaj Vogler, en Verda Stelo S-ro Hoffmeister ; en la Unuiĝo de malsuperaj poŝt-oficistoj S-ro Franke, en la Kleriga Unuiĝo S-ro Bruch ; en ambaŭ unuiĝoj la efiko estis tre kontentiga, oni intencas aranĝi kursojn. La grupoj de Hamburgo malfermis novan komunan kurson. — V.

La 21. oktobro en *Croydon* (Angl.) dum propaganda kunveno, sub la prezido de la Urbestro. — M. G.

En *Sarikamich* (Kars, Rusujo) de Generalo Andrejev al la oficiroj kaj iliaj familioj.

En *Marseille* ĉe la Esp. grupo, la 27 oktobro, pri U. E. A., de S-ro Place. — P.

**Paroladvojaĝo de S-ro Parrish.** — La 11 oktobro, parolado en *Krakow* (Galicio, Aŭstrio) kun multaj ĉeestantoj ; la societa sekretario, S-ro Medrkiewicz tradukis polen kaj informis la publikon pri la servoj de U. E. A. kaj citis interalie la interesan eksperimenton de S-ro Parrish. La ĉeestintoj petis, ke oni ripetu la paroladon, sed mankis tempo. — R.

Plua vojplano : Belgrado, Sarajevo, Koloszvar, Budapest, Prostejov.

*Ni rememorigas al niaj leganloj, ke la grupoj, kiuj deziras aranĝi paroladon. devas skribi antaŭe senpere al : « Esperantio », Rue de la Bourse, 10,* Genève, *Svislando* (Red.).

**Paroladvojaĝo Privat.** Ni rememorigas la Del. pri la paroladvojaĝo, kiun intencas entrepreni nia kunlaboranto. Ni jam ricevis kelkajn respondojn, sed por starigi definitivan vojaĝplanon, estas necese, ke ĉiuj grupoj, kiuj intencas inviti S-ron Privat *kiel eble plej baldaŭ* konigu al ni sian intencon.

## DIVERSAĴOJ

∴ *Propagando.* — Por anonci kurson, la grupo en Lausanne (Svis.) verkis grandan afiŝon kun la titolo *Por kio utilas Esperanto ?* kaj informoj pri nia movado, pri U. E A, k. t. p. Imitinda propagandilo ! — C.

∴ *Por diskonigi U. E. A.* — Sur la kovrilo de la ilustrita

88 paĝa luksa gvidlibro tra Delitzch, nia Delegito, S-ro Schmiedeberg, havis la bonan ideon presigi germane kaj esperante informojn pri la disvastiĝo de Esperanto kaj kunvenejo de la loka grupo.

∴ *Gvidfolio.* — S-ro Tarnov el Elberfeld eldonis bele ilustritan okpaĝan gvidfolion, kiu estis senpage disdonata dum la antaŭkongreso en Dresden kaj dum la Sepa. Kiu deziras ĝin ricevi sendu belan ilustritan poŝtkarton al : « Verkehrsverein », Barmen, Germanujo. — T.

∴ *Monhelpo.* — En Firminy (Franc.), la grupo ricevis de la konsilantaro monhelpon da 36 Sm. — E. G.

∴ *Eminentula danko.* — D-ro Stanislav Schulhof, en Pardubice (Bohemujo), dediĉis al L. M. la Urbestro de Londono siajn du verkojn : « Per espero al Despero » kaj « Kion la vivo alportis ». Responde li ricevis de Sir Vezey Strong tre afablan kaj gratulan dankleteron.

## TRA LA GAZETARO

∴ *Germana Esperanto-Gazeto.* Sub titolo « En propra afero » de H. Mangelsdorf (Nº 41) :

«... Parlamento, kiu nur kunsidas dum malmultaj horoj, estas neebla, kaj reprezentantaro kreita de tia parlamento neniam havos aŭtoritaton. Tamen precipe novaj organizaĵoj ofte estas tre utilaj, ĉar ili ĉiam denove instigas al agado, al freŝa partoprenado kaj persona kunefiko, ili vere vekas la talentojn. Mi partoprenis je internacia kongreso, kie eble tridek gravaj decidoj estis akceptataj, ĉiu per du ĝis kvin voĉoj el tridek ĝis kvardek. Sed la demando : « Kiu kontraŭdiras ? » ĉiam restis sen eĥo, ĉar fakte neniu povis priĵuĝi la aferojn en tia rapideco. Tiam mi klare ekkonis la mizeron de tiuj parlamentoj por unu tago. De tiom hazardaj decidoj la sorto de nia movado neniel devas dependi !... »

La sama (en Nº 42) :

«... Kiu povus arogi la rajton oficialigi ion de niaj institucioj ? Eĉ ne Zamenhof mem. Sed ĉiam denove oni ripetas la ludon, kredigi al novuloj kaj nespertuloj, ke inter niaj organizaĵoj fakte ekzistus tiaj de multe pli supera rango, de speciala kompetenteco kaj aŭtoritato por nia tuta movado... »

∴ *La Ondo de Esperanto* (Septembro-oktobro) :

« La ekbato jam okazis, — ekbato kvankam faliga, tamen tute ne mortiga. Oni ne devas trogandigi ĝian fortecon. Kelkaj mulmulte informitaj gazetoj vane rapidis proklami tra la mondo pri « plena bankroto » de Esper. afero en Ruslando. Estas eble, ke la ritmo de nia movado iom malrapidiĝos dum plej nelongedaŭra tempo, tamen la movado mem mortos neniam. En Ruslando kaj precipe en ekslerlando Esperanto enradikiĝis jam tro profunde. La Ruslanda Ligo estas fermita kun la filioj en provinco, sed, — mi ripetas, — oni ne forgesu, ke nur sensignifa procento de Esper. Societoj apartenis al la malfeliĉa Ligo. Do la plej aktivaj Esp. Societoj daŭrigas funkcii kaj ageme propagandi Esperanton ».

∴ *Sicef*, nova organo de la Industria kaj Komerca Esp. Societo en Francujo. Redakcio : 18 Av. Philippe-Auguste, Parizo. Specimeno kontraŭ respondkupono.

∴ *Flugita Plumo*, organo de la Stolze-Schrey adaptita stenografio : jam aperis 3 numeroj : julio, Aŭg. Sept. Redaktoro : S-ro E. Stark, Magdeburg (German.) Kaiser Friedrich strass I.

∴ *Poŝta Esperantisto* publikigas en 4 lingvoj (Franc., Angle., Germ. Esp.) Vortaron por poŝtistoj kaj serĉas tradukantojn en la aliajn lingvojn. Redaktoro : S-ro A. Behrendt, Maxstr. 22, Breslau (German.)

∴ En *Paris-Esperanto* (Oktobro 1911) bona artikolo de nia Del. S-ro Génermont pri U. E. A. Li estas plue komisiita de la Direkcio de la ĉiumonata gazeto *Le Journal de la Famille* por redakti specialan paĝon pri Esperanto kaj U. E. A. — H.

∴ En Hyères (Suda Franc. du gazetoj, *Hyères-Journal* kaj *Le Palmier* akceptas akceptas esp. tradukojn. — G. N.

∴ *Neue Badische Landes-Zeitung* (Manuheim, German.) 28 sept. kaj *Pfælzische Post* 9 oktobro (Ludwigshafen, German. ) enpresis partojn el la broŝuro de S-ro Hodler : « Esperanto kaj Esperantismo ». — K.

∴ *Tokaj-Hegyalja* en Szerenes (Hungar.) publikigas priesperantajn artikolojn de nia kunlaboranto Johano *Koema*, kiujn oni legas tre interesite. La artikoloj aperis en la n-roj 14 sept., 21 sept., 28 sept., 12 okt. kaj 19 okt. Kun titolo « Avilagnyelo kerdese » (demando de la mondlingvo). La verkisto pruvinte la bezonitecon kaj necesegecon de la tutmonda aŭ ĝuste internacia lingvo, montras ke oni povas sole la Esperanton akcepti, kaj li mallonge priskribas ties historion. — H.

∴ En Trieste (Aŭstrio) sin okupis pri nia afero la jenaj gazetoj : *Il Piccolo* (19, 22 aŭgusto) ; *L'Osservatore Triestino* (21 aŭgusto) ; *Triester Zeitung* (21 aŭgusto) ; *L'Indipendente* (19. 22 aŭgusto) ; *L'Amico* (20, 27 aŭg.) ; La *Ricreazione* (16 sept.) ; *Emancipazione* (2 sept.) ; La *Piccolo de la Sera* (5 sept.) impresoj pri la Sepa ; *Piccolo* (2 oktobro) pri parolado de Prof. B. Coluci (el Brazilujo) pri Esperanto en Latina Ameriko. — P. V.

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

### Komitato de U. E. A.

La Komitato de U. E. A. ĵus alprenis la jenajn decidojn :

1e Ĝi akceptis la provizoran regularon de la *Universala Laborista Asocio* (Laborista Fako) kaj elektis S-ron *Ed. Parker*, el Holmfirth, kiel fakestron.

2e Ĝi akceptis la provizoran regularon de la *Universala Virina Asocio* (Virina Fako) kaj elektis S-inon *Legrelle de Ferrer*, el Monaco, kiel fakestrinon.

3e Ĝi elektis kiel fakestron de la Interŝanĝa Fako S-ron *M. Lévy*, el St-Mihiel,

4e Ĝi decidis doni al la Interŝanĝa Fako la titolon *Universala Interŝanĝa Asocio*, konforme al la deziresprimo de la 2a Kongreso.

5e Ĝi decidis modifi § 10, de la regularo de la Interŝanĝa Fako, kiel sekvas :

§ 10. — La fako estas kontrolata de la Centra Oficejo de U. E. A., kiu ankaŭ prizorgas la ĝeneralan administradon kaj financan laboron. La memstara faka kaso, el kies kotizaĵoj kaj donacoj oni elpagas ĉiujn elspezojn por la fako, estas prizorgata de la Centra Kaso de U. E. A.

Tiu ĉi modifo estos submetata al la ĝenerala voĉdonado, konforme al § 52 de la Statuto, se en tempolimo de 60 tagoj, pli ol la kvinono de la voĉdonrajtantaj Del. ĝin skribe postulos. Se ne, ĝi estos konsiderata kiel definitive akceptita.

### Monhelpoj.

La Centra Oficejo de U. E. A. ricevas ofte petojn pri monhelpo por subteni tian aŭ alian propagandan aŭ praktikan entreprenon. Al tiuj diversaj petoj ni estas devigataj unuforme respondi, ke ĝis la financa situacio de U. E. A. estos plibonigita, ni ne povas doni ian monhelpon.

FINANCOJ

*Kontettiro de U. E. A. de Septembro*

| *Elspezoj* | $ | *Enspezoj* | $ |
|---|---|---|---|
| Lupago | 27 60 | Kotizaĵoj 1911 | 35 49 |
| Oficejo kaj korespond. | 43 64 | Esperantiaj Entreprenoj | 4 00 |
| Salajroj | 160 00 | *Sumo* | 39 49 |
| Diversaj | 10 00 | *Saldo* | 201 75 |
| *Sumo* | 241 24 | | 241 24 |

*Donacoj por U. E. A. dum Septembro kaj Oktobro*

S-ro Carter Sm. 2.50, S-ro Tierack Sm. 2.54, S-ro Bacquet Sm. 0.97. Entute Sm. 6.01.

# Esperantiaj Fakaj Asocioj

Sub tiu titolo ni publikigos la informojn, kiuj koncernas la diversajn fakajn sekciojn, kreitajn konforme al la deziresprimo de la dua Kongreso de U. E. A. Ni rememorigas, ke ĉiuj sekcioj havos propran Bultenon kiel oficialan organon. Oni do trovos en tiu rubriko nur la informojn, kiuj havas ĝeneralan intereson por la publiko. La ceterajn povos legi la interesatoj en la koncernaj fakaj Bultenoj.

## UNIVERSALA INTERŜANĜA ASOCIO ?

### Kiel ni kreis Interŝanĝan Fakon

La dua Kongreso de U. E. A. bonvolis aprobi la raporton kiun ni prezentis pri la kreado de speciala fako celanta la disvastiĝon de la interŝanĝoj kaj la unuiĝon de ĉiuj esperantistaj kolektistoj, interne de « Esperantio ». Hodiaŭ ni turnas nin al la granda esperantista publiko, al tiuj kiuj per sia helpo, per sia instigo povos efektiviĝi la sukceson de tiu entrepreno kaj tiel pliigi la gravecon de nia Asocio. Ĉiuj Esperantianoj, povas per la « Interŝanga fako » korespondadi aŭ pratiki intesŝanĝojn en la plej diversaj landoj ; ĉiuj kiuj ŝatas la internaciajn komunikojn trovos en la novaj servoj tre bonan organizaĵon kun ĉiuj garantioj de regula respondo, kiuj tute mankis en la ĝisnuna libera korespondado. Certe, multaj povos kredi ke nia celo estas negrava ; « la kolektoj, ili diras, estas interesaj por la personoj, kiuj ŝatas tiajn aferojn, sed por ni, Esperantistoj kiuj konsideras la faktojn nur el la internacia vidpunkto, ni ne vidas tion, kion Esperanto povus gajni el la disvastiĝo de tiuj amuziloj. » Al tiuj ni respondos ke, kontraŭe, la fako povos multe helpi nian aferon, ĝi altiros al nia movado la atenton de la kolektistoj ; ĝi montros al ili ke, pli bone ol alia rimedo Esperanto devas esti la helpilo, kiu malfermas al ĉiuj la pordojn de ĉiuj landoj de l'mondo.

Aliparte per la interŝanĝa fako ni tre bone montros la utilecon de Esperanto donante pratiktan pruvon de la servoj de la lingvo en la internaciaj rilatoj. U. E. A., vere internacia asocio, devis doni al si la organizadon de tiu entrepreno kiu grupigante ĉiujn kolektistojn aŭ korespondantojn ricevos la aliĝojn de preskaŭ ĉiuj esperantistoj, ĉar ĉiu Esperantisto estas ja iom kolektema ; certe ni ne volas trudi al la Esperantistaro la guston de la korespondadoj sed nur kolekti en unu fasko ĉiujn, kiujn interesas tiu distrado. Ni kredas, kaj tion oni klare ekvidos, ke ĉiu kolektisto povos per la fako plimultigi siajn rilatojn kaj pligrandigi siajn konojn, tiumaniere ke praktikante sian « sporton » li laboros por la sukceso de nia afero. La Interŝanĝa Fako ne trudas al siaj membroj severan disciplinon ; ĝi estas nur la granda familio en kiu konatiĝos unu kun la alia la esperantistaj kolektistoj. Ni do konfidas kaj ni esperas ke komprenante la gravecon kaj la oportunecon de tiu nova fako, ĉiu esperantisto volos alsendi al la Centra Oficejo de U. E. A., sian aliĝon kaj disvastigi tiumaniere la servojn de la « plej granda Esperantujo ».

Marcel Lévy,
*Fakestro de la Interŝanga-Fako.*

La regularo de la Interŝanĝa Fako aperis en « Esperanto » de 5 julio 1911.

La kotizaĵo al la fako estas 5o sd. Oni povas de nun aliĝi. Ĉiu aliĝinto ricevos specialan formulon, kiun li devos plenigi kaj resendi al la Centra Oficejo de U. E. A. Sur tiun formulon li enskribos la necesajn informojn pri si mem, sia adreso, kaj la objektoj, kiujn li deziras interŝanĝi. La unua N-o de la Bulteno enhavanta la liston de la ĝisnunaj aliĝintoj aperos en decembro.

Ni rememorigas, ke povas aliĝi nur la personoj, kiuj pagis aŭ samtempe pagas sian ordinaran membran kotizaĵon de U. E. A. por 1912.

## UNIVERSALA LABORISTA ASOCIO

(Fako de U. E. A.)

**Jen la teksto de la regularo akceptita de la komitato:**

§ 1. Estas kreita interne de U. E. A., sub la nomo Universala Laborista Asocio (Fako de U. E. A.)speciala sekcio, kun celo :

*a*) Plifaciligi kaj plimultigi la rilatojn inter la ĉiulandaj Esperantianaj laboristoj.

*b*) Studi ĉiujn demandojn, kiuj rilatas al la starigo de praktikaj servoj por ĉiulandaj laboristoj.

*c*) Propagandi U. E. A., kaj Esperantismon ĉe la laboristoj kaj la laboristaj institucioj.

§ 2. Estas membro de tiu fako ĉiu persono paginta la kotizaĵon de U. E. A. por la kuranta jaro, kaj specialan kotizaĵon da 5o Sd. jare.

§ 3. La fako estas direktata de Fakestro, elektata de la Komitato de U. E. A., konforme al § 45 de la Statuto. Li zorgas pri gvidado de la fako kaj redaktado de la Laborista Bulteno.

§ 4. La Fakestro estas helpata de Komisiono konsistanta el 5 ĝis 9 membroj elektataj de la membroj por 3 jaroj, kaj prezidata de la Fakestro.

§ 5. La Komisiono studas ĉiujn demandojn, rilatajn al la agado de la fako, novaj servoj por laboristoj, propagando k. t. p. Ĝiaj decidoj devas esti sankciataj de la Komitato de U. E. A.

§ 6. La fako havas kiel oficialan organon, specialan Laboristan Bultenon, kiu enhavas la liston de la membroj kaj pritraktas ĉiujn demandojn kiuj, koncernas la agadon de la fako.

§ 7. La Centra Oficejo de U. E. A. havas la financan kaj administran direktadon de la fako. Ĝi enkasigas ĝiajn enspezojn kaj pagas ĝiajn elspezojn. Almenaŭ duono de la profito devas esti uzata por la fako mem.

**Tiu ĉi regularo, kiu havas provizoran karakteron, estos submetata al la ĝenerala voĉdonado, konforme al § 52 de la Statuto, se en tempolimo de 60 tagoj, pli ol la kvinono de la Delegitoj voĉdonrajtantaj ĝin skribe postulas. Se ne, ĝi estos konsiderata kiel definitive akceptita.**

# GRAVA ALVOKO AL ĈIUJ ESPERANTISTOJ

### Komerca konkurso

Internacia konkurso, organizita de U. E. A. por starigi kiel eble plej kompletan kolekton de la esperante redaktitaj komercaj reklamiloj.

Al la celo starigi plenan liston de la komercaj reklamiloj, ĝis nun eldonitaj en Esperanto, kaj havi plenan kolekton de tiuj prospektoj, katalogoj k. t. p., U. E. A. malfermas konkurson inter ĉiuj Esperantistoj.

S-ro. Dauphin, Subdel. en Arcueil (Francujo) havis la unuan ideon pri tiu alvoko al tutmonda kunlaborado por la starigo de tia kolekto. En lia nomo, S-ro. Génermont, Del. en Parizo, klarigis la projekton dum la Dua kongreso de U. E. A. en Antverpeno. La Kongreso, akceptinte la principon, resendis la proponon al la Komerca Komisiono por definitiva prilaborado.

Ĉiu Esperantisto povas partopreni en tiu konkurso ; li nur kolektu plej multnombrajn *reklamfoliojn* ĉiuspecajn (nur la komercajn, kompreneble ; oni ne akceptas la reklamilojn pure esperantajn, kiel prospektoj de la Esperantistaj gazetoj, grupoj) ; por tio, ĉiu konkursonto trarigardu la unuan liston de komercaj Esperantistaj firmoj, starigitan de S-ro Bailey kaj publikigitan en la 2a numero de la « *Komerca Bulteno* » de U. E. A. (5 Julio 1911), kaj skribu al tiuj firmoj — kaj ankaŭ al aliaj, kiujn li konas — por peti iliajn katalogojn kaj prospektojn. Kiam lia kolekto ŝajnas al li sufiĉe plena — kaj tio nepre antaŭ la unua Februaro — li ĝin sendu, afrankite, al : ESPERANTO, 10, rue de la Bourse, Genève, Svisujo, surskribante « **Komerca Konkurso** ».

U. E. A. elektos specialan juĝantaron, kiu ekzamenos la sendaĵojn kaj rekompencos la plej kompletajn. La donacotaj

premioj valoras *10, 5* kaj *3* Sm. (duono per libroj, laŭ elekto). La kolekton, kiu estos gajninta la unuan premion, konservos U. E. A. por siaj ekspozicioj.

Ni alvokas al ĉiuj Esperantistoj ĉiulandaj por ke ili partopreni en tiu konkurso kaj helpu nin ; efektive, tre gravaj estos la konsekvencoj de tiu konkurso, el kiu rezultos kvarobla profito :

1e Profito por la gajnontoj al kiuj estos rezervataj sufiĉe premioj, kiuj facile pagos la elspezojn kaj klopodojn.

2e Profito por la komercistoj, al kiuj oni faros tiel senpagan reklamadon per la multfoja ekspoziciado de iliaj reklamiloj dum la kongresoj kaj kunvenoj okaze de kiuj la plej plena kolekto estos publike montrata.

3e Profito por nia propagando, ĉar per tiu fakto ke ili ricevos, okaze de tiu tutmonda konkurso, multajn petojn pri katalogoj. la komercistoj komprenos la disvastigadon de nia movado kaj sekve la utilecon de reklamado en Esperanto.

4e Fine, grava profito por nia Asocio (U. E. A.) kiu tiel sukcesos starigi plenan liston, tre utilan por la estonto, de la Esperantistaj komercaj firmoj kaj poste, posedos belan kaj kompletan kolekton de tiuj komercaj reklamiloj, prospektoj, cirkuleroj, katalogoj k. t. p., kiu multe utilos en ĝiaj ekspozicioj.

Devo de ĉiu Esperantisto estos, partopreni en tiu konkurso.

(Specialan alvokon ni faras al ĉiuj Esperantistaj gazetoj por ke ili represu tiun noton kaj anoncu tiun konkurson. Dankemaj ni estos al ili, se tion ili faros kaj ankaŭ se ili bonvolos oferdoni novajn premiojn ; ekzemple, donaci librojn, senpagan abonon al sia gazeto, k. t. p.)

## ORGANIZA DEMANDO

Le *Journal du Creusot*, organo de Burgonja Esperantista Federacio publikigis tre interesan artikolon de S-ro P. Dejean, prezidanto de la Federacio, pri la organiza demando. Pro manko de loko ni povas presi nur kelkajn ekstraktojn.

Pri la maniero laŭ kiu oni povos aranĝi la aferon, du solvoj jam estis proponitaj, kaj certe la diskutado estos preskaŭ limigita inter tiuj du solvoj.

1º Laŭ la opinio de kelkaj esperantistoj, la kotizaĵo ne devos esti persona, sed opa ; tio estas (laŭ la metodo jam alprenita de la plej granda nombro de la federacioj kaj naciaj societoj) oni diros al la grupoj : por aliĝi al la Ĝenerala Organizo vi devos pagi tiom da fojoj la kotizaĵon kiom da membroj vi havas.

2º La dua solvo estas la jena : la Ĝenerala organizo petas ĉiun grupon bonvoli elekti delegiton kiu estos komisiota por kolekti inter la membroj de la grupo kiel eble plej multe da individuaj kotizaĵoj ; sed tiuj kotizaĵoj estos tute sendependaj de la grupaj kotizaĵoj.

Nun ni ekzamenu la valoron de la du sistemoj.

Se oni akceptas la opajn kotizaĵojn, estas certe ke oni ne povos ricevi pli ol 0 fr. 05 po ĉiu membro, aŭ la grupoj rifuzos fariĝi anoj de la dirita Organizo. Tiu ĉi certigo estas bazita sur la rezultato de la Franca kongreso en Lyon (Aprilo 1911). La francaj grupoj kunigitaj kun la firma rezolucio organizi fortan nacian societon ne volis akcepti pli grandan kotizon ol 0 fr. 05 po ĉiumembro. Estas do certe ke Internacia Organizo ne plibone sukcesos.

Aliparte ni scias ke la esperantistoj enskribitaj en la Francaj grupoj estas proksimume 8.000. La statistikoj montras al ni ke en Francujo troviĝas pli ol 1/7º de ĉiuj grupoj esperantistaj. Do la Esperantistoj de la tuta mondo pagantaj kotizaĵon certe ne estas pli ol 8.000 × 7 = 56.000. Kalkulante 0 fr. 05 po membro tio faras 56.000 × 0,05 = 2.800 fr. Tiu ĉi sumo estas absolute ne sufiĉa. Laŭ la tre preciza kalkulo de Gº Sebert, oni vidis ke la Centra Oficejo bezonas almenaŭ 15.000 fr. ĉiujare. Do, la 2.800 fr. estas apenaŭ la 1/5º de la sumo necesa. Aliparte, estas absolute certe ke la grupoj neniam akceptos pagi por la Ĝenerala Organizo 0 fr. 25 po ĉiumembro. La *sistemo de opaj kotizaĵoj* ŝajnas do al mi *absolute malbona,* ĉar ĝi tedos la grupojn kaj donos malbonan financan rezultaton. Tio ne malhelpos ke la *grupoj*, por kiuj tiu ĉi imposto ŝajnos tre peza, *estos tre postulemaj de la Centra Oficejo.* En tiu ĉi situacio, mi antaŭvidas senĉesajn konfliktojn inter la grupoj kaj la Centra Oficejo kiu eĉ kun la donacoj kiujn ĝi provos ricevi ne sukcesos kontentigi la postulemecon de tiuj kiuj estos pagintaj...

Se oni akceptas la duan solvon, la kaso de la grupoj neniel suferos pro la nova Organizo. La personoj kiuj pagos tiun nedevigan kotizon estos la plej sindonaj esperantistoj kaj oni tre certe povos ĝin altigi ĝis, 1 fr. 50 aŭ eĉ 2 fr. Por ricevi 15.000 fr. sufiĉus ke oni trovu maksimume 10.000 personojn pagantajn la kotizon. La afero ŝajnas tre certe tute efektivigebla. Ĉu ni ne vidas ke U. E. A., ne oficiala organizo, ricevis en la samaj kondiĉoj 8.000 kotizaĵojn ?

Oni povas do esperi ke la oficiala Ĝenerala Organizo trovos facile multe pli. Sed por logi la esperantistojn, ne sufiĉos ke oni donu al ili la nuran *rajton elekti delegitojn por niaj Internaciaj Kongresoj.* Se la Ĝenerala Organizo ne faras *praktikajn servojn* al siaj membroj ; se ĝiaj membroj estas personoj pagantaj individuajn kotizaĵojn aŭ grupoj pagantaj opajn kotizaĵojn, la rekrutado de ili estos preskaŭ neebla, kaj *la Oficiala Ĝenerala Organizo regos sur tiel malgranda aro ke estos absolute iluzia regado* kaj *la plimulto de la Esperantistaro iros rekte sian vojon ne okupiĝante pri la oficialuloj.*

Sed, se la Oficiala Organizo faras praktikajn servojn al siaj anoj, ĝi refaros kion jam faras U. E. A. kaj ni vidos la malĝojigan spektaklon de du esperantistaj societoj kiuj batalos inter si ĝis kiam unu mortiĝos la alian.

La sola vera solvo ŝajnas al mi kunfando de U. E. A. kun la Oficiala Organizo. Pro tio mi tre esperas ke la komisiono bonvolos tre atente studi la projekton ellaboritan de la komitato de U. E. A. dum la Antwerpen'a kongreso ».....

Kiel konkludo, S-ro Dejean, konsiderante ke estas absolute necese ke la tuta Esperantistaro povu voĉdoni dum la venonta kongreso, proponas, ke la Administra Konsilantaro, kiu devas difini la kotizon principe akceptitan de la Kongreso, decidu, ke por la venonta jaro la kotizaĵo estu nula.

* *

La grupo en *La Rochelle* komunikas al ni la jenan decidon :

« La Grupo Esperantista en La Rochelle, ne havante ian specialan proponon por fari pri la ĝenerala organizado de la Esperantistaro, deziras tamen atentigi la Komisionon pri la neceseco eviti ĉiun eblan konkurencon aŭ malkonsenton kun la jam bone organizita kaj tre utila Universala Esperanto-Asocio. (Sam. Meyer, prezidanto ; A. Besnard, sekretario).

## Esperantia Parolejo

### Kiel organizi paroladon ?

Ni ekstraktas el letero de nia Del. en Breslau la jenajn interesajn informojn pri la maniero laŭ kiu estis aranĝita la parolado de S-ro Parrish en Breslau kaj ni ne dubas, ke tiuj precizaj klarigoj instigos aliajn Del. imiti la ekzemplon de sia praktika Breslaŭa kolego.

En Antverpeno mi aŭdis la paroladon de S-ro Parrish, kiu ĉiurilate kontentigis min ; tial mi intertraktis kun li pri parolado en Breslaŭ. Li diris al mi, ke li por la sumo de 25 Sm. restos kelkajn tagojn en la urbo kaj farus plurajn paroladojn. Reveninte hejmen mi do tuj intertraktis kun la ĉi-tieaj laborista kaj poŝtoficista grupoj, kiuj ambaŭ deklaris sin pretaj, aranĝi apartajn paroladojn garantiante al S-ro Parrish 7 1/2 resp. 10 Sm. Restis do por nia loka G. E. A. grupo disponota nur sumo de 7 1/2 Sm. kaj ni decidis aranĝi paroladon sub la titolo « Universala Esperanto-Asocio ; loka grupo Breslaŭ ». Tiun titolon ni preferis al tiu de G. E. A., ĉar ni opinîis, ke la tuta entrepreno havas internacian karakteron, kaj tial devas esti aranĝata de loka grupo de *internacia* organizaĵo, ne de nacia.

Pro ne sufiĉa porprepara tempo la poŝta grupo ne povis aranĝi specialan paroladon jene. Ni luis salonegon, kie okazas la plej gravaj publikaj paroladoj, koncertoj k. t. p. en nia urbo (lupago povespere 20 Sm., kun lumigado). Ni presigis 500 biletojn kaj donis el ili proksimume 200 al 25 membroj por privata disvendado inter ilia

konataro, 100 al Humbold-unuiĝo por popolklerigado (tre grava Asocio kun preskaŭ 7.000 membroj) je la prezo de 15 sd. Ĉi-tiu asocio anoncis la paroladon en siaj semajnaj informoj alsendataj al ĉiuj 7.000 membroj. Plie ni anoncis la paroladon unu fojon en 5 gazetoj dimanĉon la unuan de oktobro, kondiĉigante kun la gazetoj la samtempan publikigon de antaŭa rekomendartikoleto redaktita de ni kaj duan atentigon la paroladtagon mem ; kostoj de la 5 gazet-anoncoj 20 Sm.

La laborista grupo luis en laborista kvartalo salonegon por 700 personoj kiun ĝi ricevis senpage, ĉar oni trinkis kaj manĝis dum la parolado. Estas venditaj de la 17 membroj private proksimume 600 kartoj po 7 1/2 sd. La parolado estas unufoje anoncita en la laborista socialista gazeto kun samtempa rekomenda artikolo. S-ro. Parrish vizitis lundon la 2 an de oktobro kun ni la komercan ĉambron kaj la gazetredaktejojn por persone inviti ilin. Laŭ nia konsilo li ĉie prezentis sin per angla lingvo ; sed ĉie montriĝis ke oni ne povis sufiĉe facile kompreniĝi angle, tial la vicsindiko de la komerca ĉambro kaj ĉiuj redaktistoj preferis esperantan interparoladon, tradukatan de mi germanen. La flua kaj perfekta uzado de la lingvo videble faris grandan impreson al ĉiuj. La komerca ĉambro kaj ĉiuj gazetoj sendis fakte reprezentantojn al la paroladoj. La laborista parolado okazis merkredon, la 4 oktobro, estis 600 personoj. Komisiite de la etraro mi faris unue paroladeton pri Esperanto, U. E. A., kaj la graveco de la parolado de S-ro. Parrish kiel pruvo de la jama praktika uzebleco de la lingvo kaj la funkciado de nia universala organizaĵo. Poste S-ro. Parrish faris sian lumbildan paroladon tradukitan de S-ro. Behrendt kaj mi. La publiko montris viglan interesou kaj kontentiĝon per tre varma forta aplaŭdo kaj 34 gelaboristoj enskribis sin tuj por nova speciala laborista kurso.

La konto estis jena : 600 biletoj po 7 1/2 sd. estas 45 $

| | | | |
|---|---|---|---|
| elspezoj : | Presado de 700 biletoj . . . | 2 $ | |
| | Anonco. . . . . . . . . | 3 1/2 | |
| | S-ro Parrish . . . . . . | 7 1/2 | |
| | Diversaj . . . . . . . | 6 | |
| | | 19 | 19 |
| | | | 26 $ gajno |

La parolado aranĝita de nia grupo, okazis ĵaŭdon la 5 an kaj, ĉar estis venditaj pli da kartoj ol estis disponeblaj seĝoj, devis esti ripetata vendredon la sesan. La unuan paroladon ĉeestis pli ol 400, la duan 200 personoj. La dua parolado estis anoncita per afiŝoj sur 200 afiŝkolonoj. En ambaŭ paroladoj S-ro. Behrendt kiel estro de la vesperoj klarigis la gravecon kaj la celon de U. E. A., kaj tradukis la paroladojn germanen.

La parolado de S-ro. Parrish pro la belegaj lumbildoj kaj la tre interesa enhavo trovis grandan aplaŭdon kaj de ĉiuj flankoj oni aŭdis nur esprimojn de absoluta kontentiĝo.

La konto de tiu-ĉi parolado estis proksimume : 600 biletoj = 100 $

| | | | |
|---|---|---|---|
| Elspezoj : | Salono por 2 tagoj . . . | 35 $ | |
| | S-ro. Parrish . . . . . | 17 1/2 | |
| | Anoncoj . . . . . . | 20 | |
| | Afiŝkolonoj . . . . . | 12 | |
| | Diversaj . . . . . . | 10 | |
| | | 94 1/2 | 94 1/2 |
| | | | 5 1/2 $ gajno. |

Ĉiuj gazetoj publikigis tre detalajn fervorajn kritikojn.

Ni do povas diri, ke niaj aranĝoj havis grandan sukceson ; proksimume 1.200 personoj el ĉiuj popolklasoj konatiĝis per propraj okuloj kaj oreloj kun la vivanta Esperanto kaj radikale ŝanĝiĝis iliaj opinioj pri ĝi, krom tio la urbaj grupoj donis imitindan ekzemplon pri fervoro kaj povo kaj gajnis eĉ iom da mono.

Mi donis ĉi-tiun detalan raporton, ĉar multaj germanaj grandaj urboj ekzemple Bremen, Lübeck, Hannover, Danzig, Konigsberg, Potsdam, Braunschweig kaj aliaj, laŭ en miaj manoj troviĝantaj kartoj kaj leteroj, respondis al S-ro. Parrish « Ni bedaŭrinde ne povis aranĝi la paroladon, ĉar ni ne havas monon, kaj pro ne sufiĉa intereso de nia publiko ni timas la riskon de malgajno ». Ni esperas, ke la de ni sciigataj faktoj el Breslaŭ, kies burĝa grupo havas 35 membrojn kaj la laborista grupo 17, pruvas ke la timemaj grupoj estas malpravaj. Mi vidas en tia sintenado ne sufiĉan komprenon por la grava eksperimento de S-ro. Parrish. Ĉar li, dudekunujara junulo, entreprenas kiel unua pioniro tramigradi kun helpo de Esperanto sciante nur anglan lingvon tutan Eŭropon por tiamaniere starigi la nedubeblan pruvon, ke Esperanto vivas kaj absolute povas plenumi siajn celojn por la tuta kulturvivo, tiam estus la nepra devo de ĉiu Esperanta organizaĵo fari ĉion eblan por helpi al li.

De la sukceso de la Parrish'a entrepreno dependas la progreso de Esperanto kiel praktika faktoro en la ĉiutaga vivo, se li sukcesas montri al multmiloj da homoj en preskaŭ 40 landoj la realan ekzistadon de Esperanto kaj ĝian ĉiurilatan utiligon praktikan, dank'al ĝia tutmonda universala organizaĵo lia ekzemplo sendube trovos imitantojn, kaj nur tiamaniere Esperanto povas enradikiĝi en la tuta vivo de l'homaro. Ĉar S-ro Parrish estas simpatia kaj modesta junulo, ĉiu esperantisto povas tre facile gastigi lin aŭ almenaŭ doni al li loĝejon, por tiamaniere malaltigi liajn vojaĝelspezojn.

La sekvo de la paroladoj de S-ro. Parrish ĉe nia esperantistaro estas, ke ĝi nun estas preta aranĝi la paroladon de S-ro. Privat. Al ĉiu grupo, kiu volas lokan kaj ĝeneralan sukceson de Esperantio ni varme rekomendas la aranĝon de Parrish'a parolado. Kiom longe oni ne konsideros nian lingvon kiel fakton? Kiom longe oni ne memoros, ke Esperanto estas ? Uzu, gesamideanoj, la estantecon, nur tiel vi zorgas pri la estonteco. G. Mahn (Del. Breslau).

## Esperanto en la studentaro

Dum la lastaj jaroj Esperanto ekokupis firman lokon ankaŭ en la studenta movado. Tio kontentigas, sed tamen estas nur komenco. Longaj ferioj, ofta ŝanĝo de la studurbo kaj la relative malgranda spaco de la studado tre malfaciligas organizon.

Por forigi tiun mankon, la 1-an oktobro en Berlin estas fondita *Esperanto-Centro por Studentoj, Germanujo.* Ĝi havas la celon unuparte kunligi la jam ekzistantajn Esperanto-unuiĝojn, sekciojn kaj grupojn studentajn (nuntempe en Aachen, Berlin, Charlottenburg, Gœttingen, Kœnigsberg, Leipzig kaj München), aliparte kolekti la Esperantemajn studentojn, kiuj ĝis nun izole laboris ĉe aliaj universitatoj, politeknikaj lernejoj, akademioj k. t. p., kaj antaŭ ĉio zorgi pri praktika disvastiĝo de Esperanto en la studentaro.

Por tio la *Centro* konsistos el ordinaraj membroj (stud. societoj, sekcioj aŭ grupoj, semestre pagantaj 1 Sm.), eksterordinaraj (izoluloj, pagantaj 0.25 Sm.) kaj bonfarantaj (pagantaj almenaŭ 1.50 Sm. po semestro).

Ĉefaj taskoj de la Centro estas : konstante verki statistikon fidindan kaj adresaron, dissendi flugfoliojn presigi artikolojn en studentaj gazetoj kaj administri la ĉefan oficejon (Esperanto-Informejo por studentoj, Berlin, N. W. 100). Dufoje en ĉiu semestro ĝi eldonas informan folieton, en kiu ĝi raportas pri la stato de la movado en la studentaro. La elektita estro estas S-ro kand. fil Esh-Vortisch, Nowawes, Berlin, Friedrichstr., 36 ; aliĝojn kaj leterojn oni bonvolu adresi al li.

Per sia laboro la Centro kreas konstantajn rilatojn inter la grupoj kaj fortikigas ilin per ĉi tiu kunligo. Tial neniu studento rifuzu aliĝi ! por li tio estas malgranda peno kaj facila ofero, por la Esperanta movado en la studentaro ĝi estas bonvena helpo. Precipe la lasta tempo pruvis, ke kunigo de l'Esperantistaj studentoj estas nepre necesa, kaj espereble aliaj landoj sekvos la ekzemplon de Germanujo, tiel ke baldaŭ ni povos korespondi kun Esperanto-Centroj por studentoj en Londono, New-York, Paris, Roma, Wien, k. a.

Novan internacian unuiĝon studentan aŭ novan fakan gazeton ni studentoj nuntempe *certe ne bezonas* ; oni ĉiam denove devas energie protesti kontraŭ tiu trofervoro. Cetere ekzistas jam kelkaj tiaj asocioj (kun gazetoj) ; sed ili ĝis nun montriĝis ne sufiĉe vivkapablaj.

Dum la nuna stato de nia movado inter la studentoj tute sufiĉas U. E. A. kaj ĝia gazeto *Esperanto.* Se la Centro de ĉiu lando havas taskojn pure organizan kaj propagandan, la internacia kunigo havas pure praktikan celon (interrilatoj de diversnaciaj studentoj pri moralaj, spiritaj, profesiaj kaj materiaj demandoj). Tion U. E. A. plene ebligas per sia Fako por studentoj (Eldonado de universitataj

gvidfolioj, k. t. pl.). Se tiu ĉi Fako por Studentoj evoluados al vera fakorganizaĵo interne de U. E. A., tio estos tre ĝojiga. Sed jam nun en ĉiu universitata urbo devus ekzisti krom la delegito de U. E. A. la *Konsulo por Studentoj*. Precipe U. E. A. povas havigi al la studento tiom da profitoj, ke per ĝi oni pli facile gajnos iun por Esperanto ol per belaj paroloj kaj promesoj.

Se sur tiu ĉi vojo ni marŝos paŝon post paŝo — la Esperanto Centroj por studentoj organizante kaj propagandante en la diversaj landoj, U. E. A. praktike laborante per siaj Konsuloj por Studentoj — ni baldaŭ progresos kaj varbos por Esperanto pli grandajn rondojn de la studenta junularo, kiu ja estas tre grava faktoro en nia movado.

E. Vortisch, E. Wichert.

### Oni laŭdas!

∴ *S-ino Hilma Hall*, el Aggelborg (Finnlando) kore dankas la Kopenhagan V-del., F-inon L. Host, kaj la Hamburgan Del., S-ron W. A. Vogler, pro ilia helpo, bonaj konsiloj kaj komplezo la 16-17 aŭgusto 1911. — H.

∴ *S-ro D-ro Ŝidloskij* kaj *F-ino M. Ŝidlovskaja* el Moskvo, publike esprimas siajn plej korajn dankojn al S-ro E. Ulitzsch, Del. en Hera (Rejnlando) dank'al kies sindona fervoreco ili havis eblecon viziti kaj observi urbajn lernejojn kaj aliajn atentindajn instituciojn, kaj trovi en Turinga vilaĝo Neuhaus belegan someran ripozlokon. — Ŝ.

### Oni Proponas

∴ *S-ro Jaquillard*, Esp-iano en Lausanne, proponas, ke la Esperantistoj klopodu, por ke en la diversaj historiaj murkalendaroj (kun ĉiutage ŝireblaj folioj) oni enmetu la plej memorindajn faktojn kaj datojn pri Esperanto kaj U. E. A.

## Esperantia Vivo

**Edziĝo.** — La 3 de oktobro S-ro *Frank C. Rhodes* en Keighley (Anglujo) edziĝis kun *F-ino Millie Hartley*.

**Mortoj.** — Ni kun bedaŭro eksciis pri la perdo de 2 samideanoj : la 12 oktobro mortis en Vitkovice (Moravio, Aŭstrio) nia Del. *S-ro Jean Gabzdyl*, prezidanto de la loka grupo, kaj la 14 de la sama monato *S-ro D. G. Stewart-Sandemann*, ano de la Esp. grupo en Lausanne (Svisl.). — B.

## Fakaj Societoj

### Tutmonda Amikaro de Publikoficistoj T. A. P.

Tiu asocio, kiu cetere estas Esperantia entrepreno enhavas 144 anojn el 17 landoj : 50 el Franclando-22 el Germanujo-18 el Aŭstralio-14 el Belgujo-8 el Bohemujo-6 el Irlando-5 el Skotlando-4 el Hispanujo-4 el Anglujo, k. t. p.

La nuna trafota celo de T. A. P. estas, per publikigado de ĉiujara anara nomaro, montri en kiu administracio estas samideanoj, por ke ili povu interrilati kaj plie esti konataj de la esperantistoj, kiuj bezonas administraciajn informojn aŭ servojn.

Eble iam la financaj kondiĉoj permesos, ke T. A. P. fariĝu Esperantia asocio kaj fako de U. E. A., sed la ĝisnuna kotizaĵo estas nur Sm. 0,40. Tio estas la tasko de la estonto sed por certe sukcesi oni devas fari nur paŝon post paŝo.

La balotita estraro de T. A. P. estas la jena :

Prezidanto : *S-ro Doué* (Franc.), 40 rue Ch. Divry Paris. — Vicprezidantoj : *S-ro Heriaz* (German.), 23 Bergweg Frankfurt a M. ; *S-ro Ritschie* (Belg.), 5 avenue Arthur Goemare, Anvers. — Ĝenerala Sekretario : *S-ro Tiard* (Franc.) 29, rue du Renard, Paris. — Helpa Sekretario : *S-ro Leees* (Angl.), 24 Elm Road Evesham (Worcestershire). — Kasisto : *S-ro de Lajarte* (Franc.), 4 Villa d'Orléans, Fontenay-s/Bois, (Seine). — Helpa Kasisto : *S-ro Bonnevie* (Noveg.), 42 Pilestraede, Kristiania.

## Alvokoj

### Esperantaj gramofonoj

Responde al la artikolo « Ĉu farinda kaj farebla », aperinta en la nº 107 de nia gazeto, S-ro A. Besnard informas nin, ke li estas certa sukcesi klopodante ĉe grava firmo de gramofonoj por registrigi sur platoj esperantajn kantojn kaj paroladojn, kondiĉe ke la aĉetantoj estu sufiĉe multaj. Tiu entrepreno, se ĝi sukcesos, povos fari netakseblajn servojn al izolaj esperantistoj aŭ malproksimlandaj grupoj, kiuj neniam havis la eblecon interparoli en nia lingvo kun alilingvanoj. Ĉiuj interesatoj, kiuj intencas eventuale akiri tiujn novspecajn « lernilojn kaj instruilojn » estas petataj skribi *kiel eble plej baldaŭ* al S-ro A. Besnard, rue Antoinette 26, *Parizo*.

*La diverslandaj redakcioj estas petataj represi laŭeble tiun alvokon, por ke ĝi trafu kiel eble plej multajn samideanojn*, ĉar oni jam ofte diskutis la supre pritraktitan demandon.

### Industrio kaj Komerco

La Franca Industria kaj Komerca Esperantista Societo petas korespondantojn en la francaj kaj fremdaj ĉefaj urboj por interrilatigi kun industriistoj kaj komercistoj de ilia lando. Por sciigoj sin turni al : S-ro Arnoult Prezidanto, 18, av. Philippe-Auguste; S-ro Lefebvre Ĝenerala Sekretario, 23, r. Stephenson ; S-ro Blangarin-Kasisto, 115, rue Manin, en Paris.

**Tra Belglando, Nederlando kaj Anglolando, per Esperanto,** de R. di Rienzi. Interesa kaj bonhumora raporto pri vojaĝo farita ekskluzive per Esperanto kaj dank'al Esperanto. Rekomendinda legolibro kaj propagandilo por la Esperantaj kursoj. Broŝuro 32-paĝa, mono.
Prezo : Sm. 0.20.

**Demandaro pri la Historio, Literaturo kaj Organizajoj de Esperanto** por Esperantaj Ekzamenoj. Grava verketo por ĉiu lernema Esperantisto. Verkis R. de Ladevèze.
Prezo : Sm. 0.50.

**Ostlorn,** vilaĝaj skizoj de S. Ulfers. Trad. el holanda lingvo M.-J. Wessel. 294 paĝoj.
Prezo (Broŝurite) : Sm. 1.65. — Lukse bindita : Sm. 2.05.

*Por ĉiuj supraj verkoj, aldonu 10 % por la afranko*

## OFICIALAJ ELDONAĴOJ DE U. E. A.

*Propagandiloj*

**Esperantismo.** — La internaciaj rilatoj. Esperantismo kaj Esperanto. La servoj de U. E. A. Elementoj de Esperanto.
Propaganda broŝuro de H. Hodler. Havebla en la lingvoj *angla, franca, germana* aŭ *rusa*.
Prezo (afranke) : Sm. 0.10.
Por mendoj de pli ol 10 ekz. rabato da 33 %.

**La Internaciaj rilatoj.** — Propaganda okpaĝa folio pri la servoj de U.E.A. Havebla en la lingvoj *angla, franca* aŭ *germana*.
Prezo (afranke) : *10 ekz.*, Sm. 0.10.
*100 ekz.* Sm. 0.80.
Ambaŭ supraj verkoj estas rekomendataj al ĉiuj propagandistoj.

*Oficiala insigno*

Verda stelo kun blank-ora rando, literoj U. E. A.
Pinglo aŭ broĉo . . Sm. 0.36 Butono . . . . . Sm. 0.48
Oni aldonu Sm. 0.10 por rekomendo.

*Oficiala skribmaterialo*

*Leterpapero*, 100 ekz. $ 0.75 *Poŝtkartoj arte ilustritaj*
*Kovertoj*, 100 ekz. $ 0.60 10 ekz. $ 0.40
*Poŝtkartoj*, 100 ekz. $ 0.75 (Kun la bildo de D-ro Zamenhof), 100 ekz. $ 0.60

**Universala Esperantia Librejo**
*10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svis.)*

# REKLAMO

## KORESPONDADO

Ni atentigas la personojn, enskribitajn sub tiu rubriko, ke ili devas konsideri kiel *devon* kaj *honoron* respondi almenaŭ *unufoje* al ĉiuj personoj, kiuj skribos al ili laŭ tiuj anoncoj. Ĉiuj korespondantoj skribu sian adreson plej legeble (en nacia lingvo), se eble per stampo.

L = *letero*. PK = *poŝtkarto*. PI = *poŝtkartoj ilustritaj*. PM = *poŝtmarkoj*. b.fl. = *bildflanko*.

Portsmouth (Anglujo). — S-ro Rupert H. Torrigton, 214, Newcome, Rd. PI. b. fl.

Menomonee Falls (Usono, Wis.). — S-ro James Baer ; PI.

Kiŝinev (Rusujo, Besarabio). — S-ro V. Vozdvijenskij, Gogol, 4, interŝanĝas fotografaĵojn stereoskopajn (4.5 × 10.7, aŭ aliajn).

Grenoble (Francujo). — F-ino C. Ploussu, Place Achard, 4, L, (kun Anglinoj, reciproka peresperanta korektado de naciaj leteroj).

Posieux (Svisujo, Fribourg). S-ro J. Vanniez ; L. (pri kulturado)

Woodland (Usono, Mich.). — S-ro A. Mote, PI., L. (kun ĉiuj samideanoj).

Gerona (Hispanujo) — S-ro Johano Aulina, Str. Turers Banolas ; L., PI (kun ĉiulandanoj).

Kiev (Rusujo). — S-ro Henriko Podgurski, Malaja Ĵitomirskaja 16, loĝ. 9 ; L., PI.

Dresden (Germanujo). — S-ro Arthur Zickler, Prez. de la Esperanto-Junulara Grupo, « En Juneco nia Espero », Sebnitzerstr, 8b, PI.

Kiskunhalas (Hungarujo). — S-ro Grosz Mor, Kalvin-tér 4, PI., bfl.

Magdeburg (Germanujo). — S-ro Paul Natho, Zeisigbauer 6, PI., PM.

'S-Gravenhage (Nederlando). — S-ro P. C. Van Maanen Jr, Bierkade 7 ; PI.

München (Bavarujo). — S-ro H. Spaltmann, Frühling str. 29 ; PI., PM. (kun ĉiulandaj samideanoj escepte Francujo, Germanujo, kaj Aŭstrio).

Pamplona (Hispanujo) — F-lo Inocente Colomina, Str. Eslava 13, 4°, verkisto de melankolia spirito kaj de Malgaja kaj fervora fantazio ; PI., L. (kun tutmondaj gesamideanoj).

Pamplona (Hispanujo). — F-lo. Joaquia del Olmo, Str. Descalzos 12, 3° poeto de gajega spirito kaj de flamanta kaj ridanta revuo ; PI., L. (kun tutmondaj gesamideanoj).

Tours (Francujo). — F-ino Marie Robert, 15 bis, Rue Crécourt ; PI., (kun italaj, anglaj, kaj neeŭropaj gefremduloj).

Cleveland (Usono, Ohio). — F-ino Sybil E. Bailey, 2.242 E. 80 th. St ; PI., L.

Kodschken (Germanujo, Danziger Hœhe). — F-ino Erna Staegemann, Bissau ; PI., L.

Amsterdam (Holando). — S-ro C. van Swol, Pieter Vlamingstraat 84, PI.

Bukuresti (Rumanujo). — S-ro C. Isidor Steinfeld, tegmentisto, Str. Faurari 27, kun ĉiulandaj sammetianoj.

Veghel (Nederlando). — S-ro A. Winters, Ŝtofkomercisto, Hoogstraat B. 28, PI., L.

Manningtree (Anglujo, Essex). — S-ro J. Cant, Elmside ; PM., PI., (kun Azio, Afriko, Aŭstralio, ĉiuj Amerikoj, Malto, Gib. Cyp. Port. Montenegro, Grek. Turk. Dan· Norveg. Sved. Serb. Bulg-Ruman. Bosn).

Skabadka (Hungarujo). — S-ino. Luise de Zaray strato Zentai 10, PI (kun ĉiulandaj gesamideanoj).

Brno (Aŭstrio, Moravio) — S-ro Stanislav Pacak, Ryĉlova ul 7, PI., PM. (kun fotografistoj). S-ro Bedrich Ŝeranek, Zemsky dum II., PI., PM.

Novoĉerkask/Dona (Rusujo). — S-ino Klaŭdia Popov, Mariynskaja 36, PI. (belaj kapetoj kaj tipoj, kun ĉiuj landoj).

St-Peterburg. — F-ino L. Wirenius, Str. V. O. Bolŝ, Prosp 24 ; PI., PM. (esperante, germane, france).

Hanley (Anglujo, Staffs.). — S-ro E. Corner, 60, Miles Bank ; PI (kun farmaciistoj kaj aliaj).

Riga (Rusujo). — S-ro M. Buivid, Postfach 426 ; PI., L. (kun geanoj de la tuta mondo).

Boulogne-sur-Mer (Francujo). — S-ro Victor Haigneré, internaciaj transportoj, 149, rue du Moulin-à-Vapeur, PI.

Nové Mésto (Aŭstrio, Moravio). — S-ro Dobromir Pekarek, Zdàrskà, 37 ; L., PI. (pri ĉiaj aferoj).

Krakow (Aŭstrio, Galicio). — S-ro Antonio Grabski, Stolarska, 6, PI.

Paris (Francujo). — S-ro Prime Paul, 89, Avenue d'Italie ; PI. (kun ĉiuj ekstereŭropanoj en Azio, Afriko, Ameriko, kaj Oceanio.

Romans (Franc.). — Kolonel-leŭtenanto Pillon aĉetas, interŝ. kaj ĉedas PM.

Brünn (Aŭstrio, Moravio). — S-ro G. Neubauer, ĉe Lichtensternako Kœrnergasse 4 ; PI., L., PM. kaj fotografaj, kun ĉiuland. samid., prefere ekster Eŭropo.

## PETOJ KAJ PROPONOJ

FOTOGRAFAĴOJN STEREOSKOPAJN (4.5 × 10.7, aŭ aliajn) interŝanĝas S-ro V. Vozdvijenskij, Gogol, 4, Kiŝinev (Rusujo, Besarabio).

POŜVORTARO. — Tre interesa libro por hispanlingvanoj kaj fremduloj vizitontaj latinajn landojn. Enhavas pli ol 10.000 radikojn. Lukse bindita 2 Fr. Adresu al S-ro X. Tuduri, S. Sebastian (Hispanujo).

ATENTU ! Bonvolu antaŭsendi Mk 1 (1 fr. 25) kaj vi ricevos sukcesplenan novan kanton : *Mi amas vin* (5 ekz. Mk 4. — Fr. 5 ; 12 ekz. Mk 8. — Fr. 10 ; 20 ekz. Mk 12. — Fr. 15 ; 40 ekz. Mk 20. — Fr. 25. — S-ro Felix Hlobil, Valaŝ. Meziriĉi, Austrio-Moravio.

HAPSAL (Rusujo, Estlando). — Fotografejo Gruntal dankas ĉiujn siajn korespondantojn kaj petas al li plu nenion skribi. Al ĉiuj respondos.

FAMILIA PENSIONO en ĉarma loko. F-ino Cianferoni, Lung' Arno Acciainoli 2 bis. Firenzo Oni parolas Esperante.

EKSPEDA FIRMO. — Krook Persson, en *Lübeck*. Ekspedoj al Nordo. Eksport- kaj importkomisioj. Adreso : G. Klefe, Unterave 8, Lubeck, German.

!! GRANDA PROFITO !! per debito (en ĉiu urbo aŭ distrikto aŭ provinco, krom en Germanujo kaj Danujo, kiuj estas tute riprezentataj) de *higiena, patentofice protektata, multe uzata kaj ĉiam reaĉetata pogranda artikolo kuraciste rekomendata kaj atestata.* **Grandaj Sukcesoj en multaj lokoj** !! *Fakonoj ne necesaj !*

Aspirantoj kun la necesaj etaj monrimedoj por teni malgrandan provizon kontraŭ firma fakturo, bonvolu sciigi sian aĝon kaj ĝisnunan okupadon. *Tenejo ne estas bezona* tial la afero estas ankaŭ praktikebla kiel bonega ekspedada negoco aŭ brilanta, ĉiam pliiĝanta apudenspezo *de en la loĝejo !*

Sin turni sub « Profito » al adreso de *ESPERANTO*.

AKCEPTOS REKLAMOJN de ia eksport-firmo, hotelo, aŭ Esperantista entrepreno, kaj ilin aperigos, angle, en Filadelfiaj gazetoj po 0.50 Sm. por ĉiu linio, S-ro Harry Test, Del. U. E. A., 19 North, 63 rd St. Philadelphia, U. Ŝ. A. (Li ne akceptas malpli ol 5 Sm. por 10 linioj).

INĜENIERO por VAPORKALDRONAJ ARMATUROJ interŝanĝas eltranĉitajn bildojn de teknikaj gazetoj ; Adreso, S-ro Mansfeld, Wilhelmstr. 4, Merseburg/Saale, Germanujo.

VOLAS AGI KIEL AGENTO por ia afero je malgranda procentaĵo S-ro Frank C. Rhodes, Terkarbvendisto (Del. de U. E. A.) Keighley, Yorks, Anglujo. Havas oficejon ĉe la stacio. Telefono·

GERMANA FRAŬLINO, bone edukita, estus tuj akceptata por lerni francan lingvon en plej bona familio. Sin turni senprokraste al S-ro Delavignette, Sub. Del. U. E. A., Merles-le-Château, Belgujo.

JUNA NORVEGO deziras okupaĵon kiun ajn ĉe alilanda negoco, kie estas parolata Esperanto. Sin turni al : S-ro. Ragno Rian, Camle Kongevei 18, Trondhjem, Norvegujo.

NUTRAĴOJ. — Samideano deziras ricevi depone en Parizo komercaĵojn rilatantajn je nutrado, por detala aŭ pogranda vendado. Bonaj garantioj monaj kaj moralaj. Skribu G. V. Bureau 29, Paris.

SERĈATA PENSIONO. — Germana Studento serĉas en Anglujo bone instruitan familion, kie li povus havi plenan pensionon, perfektiĝi en angla lingvo kaj trovi societon de gejunuloj. Proponojn kun prezo oni sendu en esperanta aŭ angla lingvo al S-ro Stettler. Bundesgasse. 16. Bern. Svisujo.



*La Administranto (Gérant) :* MICHAUD
Laborista Kooperativa Presejo, 15, rue Amiral-Roussin. Dijon (Francujo).

